XIa jaro. No 171 (12) * Duonmonata * 5 julio 1914

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

**Ordinara eldono** . . . . . . . . 5.— Frankoj (2.— Sm.)
**Luksa eldono** . . . . . . . . . 6.25 Frankoj (2.50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824.— Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

REKLAMO

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . 0.40 Fr. (0.16 Sm.)
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO

**Nuntempaĵoj:**
*La Paco.* F. Brossier.

**Socia Vivo:**
*La albana literaturo,* Larras Shantja.
*Japanujo kaj Japanoj,* Prof. Eugeno Romer.
*La Socia Muzeo Pariza,* Emile Cheysson.
*Notoj.*

**Esperantismo:**
*Bileto de blankbarbulo,* Th. Cart. — *Kroniko.*
*Deka Kongreso de Esperanto.*
*Diversaĵoj.* — *Tra la gazetaro.*

**U. E. A.:**
*Oficiala informilo.* — *Novaj Delegitoj.*
*Esperantiaj kongresaj karavanoj.*
*Statistiko de la Esperantiaj servoj.* — *Esperantia parolejo.*
*Alvokoj.* — *Reciproka informado.* — *Esperantia ŝildo.*

NUNTEMPAĴOJ

# LA PACO

## ĈU VI VOLAS ĜIN?

IV

Emo ribeli ne sufiĉos por ke registaro nepre forigu sian militistaron; nur tiu ribelo, kiu forigus la regantojn ilin senigus je militistaro, kaj verŝajne la sukcesintaj ribelintoj restus armitaj por pli efike kontraŭstari supozeblajn provojn de restarigo de l' estintaj regantoj. Male, se la regno plej fortika el ĉiuj ne bezonas pli timige ol la aliaj minaci por protekti siajn interesojn, se en ĝi ne ekzistas ribelemuloj pacocelaj aŭ aliaj, kiuj malhelpus ĝian militistaron dum milito, en ĝi ribelemo, kiu celus nur malgravan malplifortigon sufiĉe verŝajne sukcesus, antaŭ ol efektive naski gravan ribelon.

Ribelemo armilforiga, kiu celus nur samtempan malpligrandigon, se ĝi estus egale disvastiĝinta, vere efikus, se ĝi estus potenca kaj se la ribelemo pacocela ne estus neegale disvastigita tiel, ke en la regnoj, kie ĝi estas potenca, ĝi instigus la tiean registaron kompare plifortigi sin.

Se la armilforiga ribelemo egalas la pacocelan en iu regno, unu ne kompensas la alian, kvankam ili naskas en la registaro malajn emojn koncerne la armiteco.

Efektive, eĉ se ĝi estas malforta, la emo ribeli kontraŭ milito tuj naskus bezonon kompense plifortigi la militistaron por venki la nefortan ribelon. Malsimile, se ribelemo armilforiga estas malforta, ĝi havos neniom da influo, ĉar ĝi povas nenion malebligi.

Se ĝi estas disvastigita ĝis tia grado nur en kelkaj regnoj, ĝi efikos trudi al ili malpliforteco komparan je la aliaj, kiu malhelpos, ke ili kontraŭstaru postulojn maljustajn de tiuj. Nur kiam tiuj postuloj estos preskaŭ mortigaj, la registaro antaŭvenĝe rifuzos kaj komencos militon senesperan.

Se la ribelismo celas nur la pacon, ĝi ne celas forigi la armitecon. Se ekzistas samtempe ribelemo por forigi la armitecon, ambaŭ ribelemoj estas ĉie egale disvastigitaj, ili plifaciligas samtempe malpligrandigon.

Ni rimarku, ke, se ribelemo armilforiga naskas ribelon, ĝi efikas male ol forigi bataladon.

Se ribelemo armilforiga estas ĉie egale disvastigita kaj ribelismo pacocela ne, la regnoj, kie la pacocela estas pli multe disvastigita, emos pligrandigi sian fortecon kompare kun la aliaj.

Simile kiel ni forjetis ribelismon pacocelan senesceptan, ni ankaŭ devas forjeti ribelemon kiu celas malarmi nian patrujon sed ne la aliajn.

Do ni ekzamenu, ĉu armilforiga ribelismo, kiu kaŭzus ribelon nur se tia ribelo celus samtempan malpligrandigon, estas aprobebla.

Ni rimarku, ke eĉ tia duone samtempa ribelismo estas danĝera, ĉar la regnoj, kiuj intencis malpligrandigi samtempe, sed ne agis tiel, ĉar aliaj ne volas malpligrandigi, post la ribelo estos pli fortaj ol tiuj, kiujn malfortigis interna milito. Sed, kiu nenion riskas, tiu nenion ludgajnas.

Tia ribelismo estas pli facile aprobebla, se paralele je ĝi, disvastiĝas ribelismo pacocela reciproka.

Tamen se tuj post la ribelo en unu el la regnoj ne seniĝemaj, okazas malkonsento inter ĝi kaj alia seniĝema, malkonsento, sufiĉe grava, por ke la ribelismo pacocela reciproka ne malhelpu la militon, la ribelo okazinta verŝajne kaŭzos malvenkon de la regno, kie ĝi okazis.

Sed la registaroj memoru, ke kelkfoje oni estas prava, per batalo havigante al si dolorojn pli gravajn ol tiuj, kiujn kaŭzus submetiĝo. Efektive en multaj militoj la kaŭzo de

l' malkonsento ne valoras la dolorojn — sed, valoras ilin la pruvo, ke ni ne volas obei *ĉiujn* malgravajn postulojn.

Ribelismo pacocela reciproka *ĝis la grado ne postulas indiferentecon*, tial ĝi estas sufiĉe facile aprobebla; sed, eble, estus necese, ke multaj aprobu ĝin, por ke la ribelo, kiun ĝi minacas, ekokazu. Efektive, plej multaj, kiuj dezirus tian ribelon ne kuraĝus unuaj en sia loko, malobei la registarajn ordonojn, kaj tamen iuj devas komenci la ribelon, aŭ ĝi ne okazos. Oni rimarku, ke vere tia komenca malobeo postulas multe pli da energio ol obeo al la serio de ordonoj, kiuj kondukos la homon sur eble la plej danĝeran batalkampon; — por tiu, kiu unua malobeas, la mortpuno verŝajne tuja estas preskaŭ certa, por tiu, kiu obeas, ekzistas nur risko morti, kaj kiam tiu risko iĝas grava, la ĝistiama obeo de liaj kunuloj ŝajne pruvas, ke ili kolerus kontraŭ ribelanto.

Ĉu ribelismo pacocela reciproka iom post iom malplioftiĝus, fine preskaŭ forigus militojn?

Ĝi vere malebligus militon, kiam ĝia forto estus tia, ke la konsekvencoj de submetiĝo je la postuloj plej gravaj kaj plej maljustaj de l' aliaj regnoj estus por neniu regno tiom timindaj, kiom la rezultatoj de la ribelo, kiun naskus milito. Vere ribelemo tiom potenca estas apenaŭ imagebla — kaj ĝi devas en ĉiuj regnoj esti tiom potenca pro reciprokeco — ĉar sole la fakto, ke ĉiuj regnoj en similaj cirkonstancoj estus preskaŭ devigataj cedi pro ribelminacoj, ebligas, ke iu el ili cedu eĉ je tre gravaj postuloj maljustaj prefere ol venĝi sin.

Vere oni ne povas imagi, ke ia ribelismo pacocela povos nepre forigi militon. Se fakte la postuloj de l' aliregnoj estus treege gravaj kaj maljustaj, la ribelminaco, kia ajn estus ĝia potenco, ne igus akcepti ilin. La registaro antaŭvenĝe ekbatalus senkompate kaj senespere ambaŭ malamikojn, eksteran kaj internan.

Sed, se aliflanke de l' landlimo ekzistas egale potenca ribelismo, ĝi pli lerte farus postulojn kompensajn tre gravajn kaj ankaŭ maljustajn.

La rezultato fina de tre potenca ribelismo estus: ĉiu regno agus tiom malagrable kontraŭ la aliaj, kiom ĝi povas per agoj nemilitaj.

Ekzemple ĝi forpelus ĉiujn aliregnanojn el siaj landoj, kolonioj kaj ĉefregnaj, ĝi ne akceptus tien la eksterajn komercaĵojn, kiujn ĝi ne tre bezonas. La sola limigo je tia malafabla konduto estus la neceseco ne tro ĝeni sin mem.

Pro tio regno, kiu povas produkti necesaĵojn nur malmultajn aŭ ne ĉiuspecajn, estus vere sklavo de l' aliaj, ĉar ĝi ne povus ilin senigi de io necesa dum ili povus.

Tia regno ekzistas, do neniam en ĝi ribelismo pacocela reciproka tia, kian mi difinis en la antaŭa artikolo, malhelpos ĝin militi por protekti ĝiajn plej gravajn interesojn vundeblajn dum paco.

Se iam ribelismo pacocela senescepta disvastiĝus en ĝi, tiu disvastiĝo haltus antaŭ ol fariĝi tiel potenca, ke la registaro tiea devu pro ĝi toleri ĉion ajn: ĝia popolo ne estos tiom freneza, ke ĝi preskaŭ tuta ribelus kontraŭ sia registaro, kiu militus por puni regnon, kiu iliajn vivebligajn interesojn volas malutilegi.

Ribelismo pacocela reciproka mem ne forigas armitecon, sed tiom longatempe, kiom pro sia reciprokeco ĝi naskus ribelon nur kontraŭ militoj en malkonsentoj, kiuj ne koncernas tre gravajn interesojn, ĝi ne emigas la registaron plifortigi sian armilularon. Sed ankaŭ ĝi mem ne influas male, ĉar ĉefe pro militoj pri gravaj interesoj la registaro bezonas potencan militistaron.

Se ribelismo pacocela senescepta estus en ĉiuj regnoj sufiĉe potenca, ĝi certe emigus la registarojn de landoj, kiuj ne povas produkti ĉiajn je si necesaĵojn, plifortigi eĉ suferige sian militistaron, por malgraŭ la ribelo pacocela, dolorige puni aliajn regnojn, kiuj per nemilitaj agoj malhelpus grave, ke ili provizu sin je iu necesaĵo.

Se samtempe kiam ribelismo reciproka pacocela, disvastiĝas ribelemo malpligrandiga, tiu ĉi efikos nur, se ĝi estas jam sufiĉe potenca por igi verŝajna ribelon malfacile, dolore venkeblan kaj nur se obeo je ĝi ne estas tre danĝera pro konsekvencoj interregnaj kaj internaj (ribeloj).

Por sukcesi do ĝi devas: 1e esti potenca; 2e postuli nur samtempan malpligrandigon, proporcian je maksimuma forteco atingebla (ĝi do devas esti potenca en ĉiuj regnoj, al kiuj tia formulo de malpligrandigo efektive trudus malpligrandigon).

*(Daŭrigota.)* *F. Brossier* (Paris).

##  SOCIA VIVO 

### La albana literaturo

La intereso inter multe da samideanoj vekita de mia artikolo pri albana lingvo, decidigas min, sendi mallongan skribaĵon ankaŭ pri albana literaturo, esperante kontentigi tiel multajn amikojn, kiuj petis de mi informojn pri ĉi tiu temo.

La albanoj, kaŭze de la senĉesaj militoj kaj centjara tiraneco de la nehumana turka registaro, ne povis krei al si propre diritan literaturon, tiel ke ĝis la lasta tempo iliaj literaturaj produktaĵoj estis presitaj en la eksterlando (kiel Bukaresto, Sofio, Londono, Bruselo, Bostono, ktp.). Nur de kelkaj jaroj ni povis havi en Skutari'o presejon, sed kompreneble la skribaĵoj estas sub la plej granda cenzuro. Tamen la albanoj, multfoje venkitaj sed neniam kvietigitaj, konservis la lingvon de siaj praavoj kaj, laŭ propra povo, ĝin kulturigis.

La alfabeto de Mesrop Masdotz, lingvisto armena, kiu, laŭ Saint-Martin, nun estas tute perdita, devenas de kvina jarcento p. K.; de tiu jarcento ni havas ankaŭ la plej antikvajn dokumentojn de albana literaturo, t. e. leĝojn skribitajn por ekleziuloj kaj mondumuloj; de la sepa jarcento ni posedas fragmenton de elegio pri la morto de l' monarko Tchevantoher. Literaturon en propra senco de l'vorto, ni ŝuldas al la elmigrintaj Albanoj. Specialan helpon prezentis la kongregacio „de propaganda fide" en Romo, kiu provis eldoni albanlingvajn librojn por disvastigi katolikismon en Albanio, kaj tial ni vidas, ke la unuaj albanlingvaj libroj estas aŭ tute eklezia aŭ almenaŭ por eklezia bezono.

Kun la evolucio de l'albana literaturo estas mallarĝe kunigita la demando de albana ortografio, en kiu regis la plej granda anarkio. Post perdo de la alfabeto de Mesrop, ĉiu elpensis sian propran alfabeton, aliaj uzinte la latinajn, aliaj la grekajn literojn; tiujn lastajn oni uzis en sudo, dum la latinajn oni trovas en nordo. Ankaŭ inter la eksterlandaj scienculoj, kiuj sin okupis pri albana lingvo, preskaŭ ĉiu havas ian apartaĵon en la reprodukto de la enlandaj sonoj.

Tial ekz., dum Xylander kaj de Hahn uzas grekajn literojn, Miklosich kaj Dozos uzas latinajn, kaj en kelke da okazoj diversiĝas. Aliaj, kiel Kopitar, provis enkonduki slavajn literojn. Kompreneble, inter tia konfuzo oni ne povis eĉ pensi je sistema literatura laboro, kaj tial ĉiuj, kiuj ŝatis propran literaturon, penis starigi daŭran ortografion.

Enla jaro 1908 post la enkonduko de la turka konstitucio, ĉiuj kulturaj Albanoj decidis doni al propra popolo unuforman alfabeton. Jam de 10 jaroj ĝis ĉi tiu epoko oni havis du alfabetojn multe malsimilajn inter ili nomitajn *Agimi* (matenruĝo) kaj *Bashkimi* (unuiĝo). La unua similis al la kroata skribado, uzante la tieldiritajn distingigajn karakterojn, dume la dua uzis latinajn literojn.

En novembro de la sama jaro kunvenis en Monastir reprezentantoj de suda kaj norda Albanio por fine decidi pri unu neŝanĝebla ortografio. Oni atingis unuecon laŭ tio, ke la Nordalbanoj adoptis la *Bashkimi* kaj la Sudalbanoj la tieldiritan *Frasheri*.

Mi nun aldonu kelkajn vortojn pri la albanaj verkistoj. Ne atentante la vivantajn albanajn verkistojn, kiel la tre populara kaj fama franciskana poeto Gjergj Fishta, la klera jezuito Antono Xanoni, la fervora patrioto Faik beg Konica, Andreo Miedia ktp. mi citos tie ĉi nur tiujn malnovajn albanajn verkistojn, kiuj havis grandan influon en la evolucio kaj perfekteco de la albana literaturo kaj kiujn oni povas rekte nomi la patroj de nia lingvo. Mi resumas tie ĉi la verkon skribitan de albana profesoro Alberto Straticó pri ĉi tiu temo sub la titolo „Manuale di letteratura albanese", sed kiu volus havi plie larĝajn informojn pri albana literaturo kaj ĝenerale bibliografio, povos konsulti la „Albanesische Bibliographie"[1] eldonitan de albana profesoro D-ro Pekmezi kaj asociintoj.

*P. Francisko Blancus (Bardhi)*, kiu eldonis la plej malnovan verkon ĝis nun konatan, t.e. la latinan-epirotan vortaron (Dictionarium latino-epiroticum 16° P. 16+222+2).

*Petro Bogdano*, homo de granda klereco kaj fervora patrioto, kiu kaŭze de siaj patriotaj konvinkoj estis ekzilita de turka registaro en Ragusa. Je la jaro 1691 li eldonis la „neerareman verecon de la katolika fido" en du volumoj itale kaj albane skribitaj.

*P. Francisco M. da Lecce*. Ĉi tiu instruita franciskano eldonis en 1716 la verkon „Gramatikaj rimarkoj pri albana lingvo".

*Julo Variboba*, poeto albana de la dekoka jarcento, verkis la sanktan poemon „Vivo de la S. Virgulino Mario" kiu aperis en Romo je 1762. La originaleco, freŝeco, propramoveco de la sento, la viveco kaj klareco de ĉi tiu poemo estas tiel grandaj, ke la klera filologo Gustavo Mayer juĝas la verkon de Variboba la plej klasika.

*J. Antono Sartori* (1819 ĝis 1894), kiu nobligis albanan lingvon suprenlevante ĝin al la merito de lingvo literatura. Li multe verkis. „La politika militkaptito" en malligataj versoj italaj kun intere versoj albanaj. „La Kristano sanktigita" albanlingve, „La malbenita filino", romano en lingvo itala. „La albana flago". Li verkis ankaŭ la tragedion „Jeroboamo", kolekton de satiroj kaj popolaj kantoj, kaj gramatikon en versoj.

*Jeronimo de Rada*, nomita de Angelo Basile „la plej alta poeto de Albanio, la granda amanto de sia gento" naskiĝis 1815 en Maki. Interrilatinte kun la albanologoj Rafaelo Valentini, Demetro Camarda, Ermano Kestner de Hannover, Luizo Petrassi, Angelo Basile, Francisko Antono Santori kaj multe de aliaj, li kolektis speciale popolajn kantojn, de kiuj ankaŭ li estis inspirita en siaj poezioj. Li verkis: „La kantoj de Milosao, filo de la despoto de Skutari" kaj „La kantoj de Serafinio Thophia princino de Zadrima en la deksesa jarcento", „Elementoj de estetiko" (1861), „Antikveco de la albana nacio kaj ĝiaj parencecoj kun la Helenoj kaj Romanoj" (1864).

Je la jaroj 1872 ĝis 1884 li verkis kaj eldonis la poemon „Skanderbeg de malbona ŝanco" kaj je 1883 fondis la ĵurnalon „La flago de Albanio". Je 1893 li eldonis la verkojn „Paroladoj pri la antikveco de albana lingvo" kaj „Gramatiko" de la sama.

*Larras Shantja* (Skutari).

[1] Wien, VIII Br. Adamgasse 6, Verein „Dija".

---

# Japanujo kaj Japanoj[1]

I.

Pro bezonoj de la rusa minindustrio en Malproksima Oriento estis invitita pola geologo P-ro Dunikowski, el Lwów, por konstati kaj taksi kaŝejojn de metalminajoj en montaro Sihota-Alin, baranta per sia ĉeno orientan randon de Azia kontinento. Krom geologoj, kiuj estis P-ro Dunikowski kaj du liaj asistantoj, ĉi tiu entrepreno devis zorgi praktike pri geografio, ĉar Usuria lando, simile al la plej granda parto de nemezureblaj rusaj posedaĵoj en Azio, estas laŭvorte ne mezurita: ne ekzistas topografiaj planoj, kiuj povus eĉ almenaŭ parte servi por praktika mastrumado. Kiu deziras mastrumi ĉi tiun landon, devas klopodi pri kartografia ĝia esploro, kaj ĉi tiu regna tasko estis komisiita al mi.

El haveno de S-ta Olga en komenco de aŭgusto de la pasinta jaro ekiris la pionira karavano internen en la belan sed treege malzorgatan landon: minriĉajoj neeksplutataj, grundo eĉ proporcie al la loĝantaro kuŝas senprofite, ĉar komunikvojojn, ordon kaj sendanĝerecon oni scias tie nur ebla fabelo, kiun vento alportas el trans la maro.

Diversaj estis la kaŭzoj, sekve de kiuj mi forlasis ĉi tiun landon malgajan pro kulpo de l' homoj ĝin regantaj, la landon tamen nature sunan, plenan de floraj herbejoj, malkulturaj vinarbustoj, riboj kaj peonioj, kverkaj kaj korkarbaj parkoj, cedraj arbaroj; mi estis forlasanta ĝin senpacience, kaj la finon de l' okupoj kaj forveturon mi atendis sopirante.

Post ok semajnoj de laboro venis la atendita momento. Rusa ŝipo portis nin al Vladivostoko, unu el la ŝipoj, kies kapitano ne nur ne sciis, kiam li albordiĝos — ĉi tio ja dependas ankaŭ de la severa naturo de Japana maro — sed ordinare li ankaŭ ne sciis, kiam kaj kien li fornaĝos. En Vladivostoko ni enŝipiĝis sur Hacu-maru, unu el ĉi tiuj multnombraj belegaĵoj, per kiuj lastatempe Japanujo ĉiam pli kaj pli dense vivigas la vastaĵojn de l' oceanoj.

Nokto balanciĝis la ŝipon, kaj sur saltantaj ondoj ludis duonluno: ĝi tuŝis iliajn suprojn, dronis en sulkoj, longiĝis sur rando de l' horizonto kvazaŭ ora fadeno, kiu nin ligis kaj kondukis al la tero de Nippon. Regis ankoraŭ krepusko, kiam mi duan fojon suriris la ferdekon. Antaŭ miaj okuloj etendiĝis tiam bildo, kiun mi neniam malmemoros. El sub kovrilo de la matena krepusko elstaris supren dentara roka ĉeno, dronanta per siaj pintoj en aŭreolo de l' tagiĝo. Trans la lando „de la leviĝanta suno" la suno estis leviĝanta, kaj per potenco de sia lumo kaj varmo dispelis krepuskon kaj aperigis en tuta pleneco de l' lumo la montan muron, kiu estis limo de l' lumo kaj de la plenluma mondo. Kaj de kie ajn oni venas al la lando de l' suno, ĉie staras garde potencaj montaroj: Ibuki-jama de okcidento, Cukuba-san de oriento, majesta, sankta, amata Fuji-san[2] de sudo. Kaj la montara muro estas seninterrompa, abrupta; ne nur la homo, — eĉ la okulo ne enpenetros post ĝin. Ĉiufoje, kiam vi el la senlimeco de l' oceano alnaĝis teron, vi jam scias la landon, en kies haveno vi serĉas rifuĝon: la okulo ja tra pordegoj de valoj ŝteliris internen post montojn kaj ne rekonas sekretojn. Sed Japanujo malkovras nenion, sole la muron de surbordaj montoj, sian senmortan limon, kiun eĉ bruanta maro respektas, kiujn eĉ furiozaj ondoj ne tuŝas. Kiam matenaj nebuloj forkuris antaŭ forto de sunradioj, kiuj sin disverŝis sur la ŝtala nokta maro, eliĝis mallarĝa bordozono,

[1] La skizo estas mallongigita, tamen ne per ŝanĝoj, sed per forigoj, kaj estas severe konservita ĉio, rilatanta la landon mem. Transskribon de la propraj nomoj korektis S-ro Takahaŝi, Del. en Hiroŝima, kaj li ankaŭ tre afable donis klarigojn pri ili. (J. Ch.)

[2] San aŭ zan kaj jama = monto.

kiu, ĉirkaŭante la limmuron, ŝirmas ĝin kontraŭ detruantaj ondoj kaj lasas al vivoplena japana verdaĵo surrampi deklivojn kaj krei nenie plu konatan pejzaĝan kunmiksaĵon de gajigaj koloroj kun malmilda teruriga formo.

La mallarĝa bordozono svarmas per homaj loĝlokoj; sur la maro tage kaj nokte — aroj de boatoj kaj barkoj, kaj vi havas antaŭ vi la landon, sur kies limo la naturo surskribis: enigmo, la landon de ekstere timigan kaj fermitan, sed kiu kaŝas en si popolon plenan de vivo kaj viglo.

Hacu-maru [1] albordiĝis en sia patruja haveno, kaj ni ĉeestis sur la ŝipo tian ordon, tian idealan purecon, tian zorgan kaj mallaŭtan laboron, kvazaŭ similan al sekreta konspiro, kaj ĉe la surbordiĝo ni renkontis tian atenton, sed samtempe, post formalaĵoj, tian afablecon de ŝtatoficistoj, tian senprofiteman helpon de ĉi tiuj treege fremdaj homoj, ke mi ekkomprenis . . . mi estis en la lando „de la leviĝanta suno", super kiu la suno de prospereco neniam subiros.

Urĝo, kaŭzita de mia vojaĝplano, certe malliveris al mi inter la haveno kaj stacidomo multajn unuajn impresojn, plej plenajn kaj plej daŭrajn. Tamen, eĉ malgraŭ la urĝo, la unua disvolviĝanta antaŭ mi scenaro de japana vivo, fremda kaj ĉarma, ne pasis senatente: svarmo de homoj, laborantaj kaj rapidirantaj en mallarĝaj stratoj kun ĉiam mirinda ordo, homoj okupitaj sincere, malkaŝantaj sian interesiĝon sole per ŝajne simplanima rideto. Sed la rideto de la Japano ne estas naiveco, se sur lia vizaĝo eĉ post atentega observado vi nenion deĉifros! Malgrandaj, graciaj, viglaj homoj.

Malsimpatio, kiun, malgraŭ ravo de pluraj grandaj penseuloj kaj poetoj, sentas nun al Japanoj preskaŭ ĉiuj eŭropaj popoloj, aperigas sin per la opinio, ke ili estas nacio, kiu, dank' al neordinara imitema talento, prenas plenmane el multaj kaj diversaj kulturoj, sed nenion kreis, nenion al iu ajn donis. Preterlasante la duan parton de ĉi tiu tre ofta, sed evidente erara opinio, mi kontraŭ la unua parto citos kelkajn impresojn el miaj unuaj tagoj en Japanujo. Dronante en inundo de diversspecaj helaj eĉ akraj, sed ĉiam harmoniigitaj koloroj de la japana mondo, mi rimarkis, ke por ĉi tiu ludilo de la okulo kuniĝas neĝa blankeco kaj nokta nigreco, lazuroj kaj ruĝoj — neniam mi vidis flavajn tonojn. Kie do estas imitado de la ĥina kolorigarto, patreca por tuta japana arto? Jen alia ekzemplo. Alieco kaj fremdeco de la japana kultura atmosfero estas tiel neordinaraj, ke oni devas forte regi siajn impresojn por orientiĝi, ke Japanujo disponas ĉiujn materiajn eŭropajn ecojn de la kulturo. Ja, ne nur tuta grandindustrio, bonegaj komunikrimedoj, ĉiuflanka aplikado de elektro, multnombraj bagatelaĵoj de nia ĉiutaga vivo estas partoprenaĵoj de la japana vivo, sed eĉ la tuta ŝtata administrantaro, militista organizo, lerneja instruado, eĉ kelkaj popolaj asocioj elkreskis kaj disvolviĝis sub eŭropa influo. Tamen kiel granda kaj eksterordinara estas la kreanta povo de la japana popolo, ke tiom da ĉiuflankaj impulsoj neatendite kvazaŭ invado atakis la kolektivan animon de la popolo kaj ne aliformigis ĝin, male, dronis en profundejo de ĉi tiu animo, konscianta sian individuecon. La Japano ĉiam restas li mem, kaj senekzempla rezisteco kontraŭ fremdaj influoj estas unu el ĉefaj ŝlosiloj por la solvo de la nekompreneblaj kaj neatenditaj sukcesoj de ĉi tiu popolo dum la moderna historia tempo.

*(Daŭrigota.)*

*Prof. Eugeno Romer* (Lwów).
Trad.[2] *J. Chankowski* (Subdel. Novo-Minsk).

[1] Maru estas necesa finiĝo por nomoj de komercaj ŝipoj.
[2] El „Ziemia" (Tero).

## La Socia Muzeo Pariza[1]

En la jaro 1894, franca nobelo, Grafo de Chambrun, posedanto de granda havo, jam maljuna, sola, seninfana kaj preskaŭ blinda, parolis kun kelkaj amikoj: „Ĝis nun, li diris, mi zorgis pli multe pri mi mem ol pri la aliaj; sed nun, en la vintro de l' vivo, mi konscias, ke mi eraris; mi ne sufiĉe atentis pri miaj samuloj, mi volas fari ion utilan al la laboristoj. Kion vi proponas al mi? Mi deziras starigi novan institucion, celantan la bonstaton intelektan, moralan kaj materian de la laboristaro.

Post kelkaj tagoj liaj amikoj proponis la kreadon de „Socia Muzeo": Grafo de Chambrun aprobis entuziasme la ideon. Post kelkaj monatoj la institucio estis starigita; lia fondinto certigis ĝian estontecon per jara donaco de granda mona sumo.

Mortante, li lasis herede al sia amata kreitaĵo sian tutan havon kaj belegan domon, kiu estas la nuna sidejo de la Socia Muzeo.

Ĉar ĉi tiu institucio estas kvazaŭ daŭra posteulo de la nedaŭraj ekspozicioj de „Socia Ekonomio", kelkaj vortoj pri ĉi tiuj lastaj ne estos senutilaj.

Jam de la komenco de la XIXa jarcento okazis ekspozicioj de industriaj produktaĵoj; iom post iom, paralele progresante kun la scienco, ĉi tiuj ekspozicioj fariĝis pli riĉaj, pli belaj; la elmontrataj objektoj instigis la admiron de ĉiuj vidantoj. Por la plimulto la intereso haltis ĉe la objekto: nur la belan materion, la belan formon, la belan koloron ili rigardis; sed kelkaj pli pripensemaj homoj ne kontentiĝis per ĉi tiu supraja admiro: malantaŭ la materio ili serĉis la homon, malantaŭ la faritaĵo, la farinton; ili demandis al si, ĉu en la kuliso estas tiel bele kiel sur la scenejo, ĉu la bela materio ne kaŝas suferon, la bela formo, malsaton, la bela koloro, larmojn; ili deziris pli intime koni la laboriston, lian vivmanieron, liajn rilatojn kun liaj uzantoj, la rimedojn sukcese alprenitajn por plibonigi lian staton.

Al ĉi tiu deziro estis liverata unua kontentigo en la Pariza Ekspozicio en 1867, en kiu speciala fako enhavis „la objektojn difinitajn por plibonigi la korpan kaj spiritan staton de la laboristaro". Krome oni aranĝis konkurson inter „la personoj, institucioj aŭ urboj, kiuj, per speciala organizado, starigis la konkordon inter siaj anoj kune laborantaj en sama celo (dungantoj kaj dungatoj), kaj certigis al la laboristoj la bonstaton materian, moralan kaj intelektan."

Ĉi tiu konkurso estas epokfaranta en la historio de la socia scienco, ĉar ĝi ebligis la konstaton, ke malgraŭ iliaj malsimilaĵoj naciaj, klimataj, religiaj, industriaj, ĉiuj fabrikejoj, posedantaj harmonion kaj socian bonfarton, montras komunajn trajtojn, identajn simptomojn, kiujn oni povas konsideri kiel normalajn kondiĉojn de laboreja paco.

En 1867 la ekspozicio konsistis nur el dokumentaroj submetotaj al juĝantaro; en la 1889a Pariza Ekspozicio oni faris pluan paŝon, oni decidis meti ĉiujn dokumentojn antaŭ la okulojn de la publiko kaj kvazaŭ ekspozi la instituciojn mem.

Sed tiam stariĝis malfacilaĵo preskaŭ nesuperebla. Por scienculoj, por studuloj sufiĉus meti sur tablojn la dokumentojn pri la diversaj institucioj (regularoj, statistikaj kaj administraj recenzoj). Sed kiel trafi la ordinaran vizitanton, kiel voki la atenton de l' pasanto, kiel lin devigi al haltado, al rigardado? Ekspozicio de mebloj, de armiloj, de maŝinoj altiras la vizitanton per la reliefo, la koloro, la movado; sed kiamaniere doni reliefon, koloron, movadon al institu-

[1] *Le Musée Social*, Paris, Rousseau, 1908. — La Muzeon povos tre verŝajne viziti dum la Kongreso niaj samideanoj, kiuj interesiĝas pri sociaj demandoj.

cioj? Kiel materiigi senmateriajn aferojn? Kiel ekspozi abstraktaĵojn?

Kvankam malfacila, la problemo ne estis nesolvebla, kaj oni ĝin solvis uzante desegnaĵojn, fotografaĵojn, grafikaĵojn, murajn tabelojn, reliefaĵojn. Tiaj rimedoj ebligis doni al la publika elmontro de Socia Ekonomio interesan, instruan kaj tute ne tedan karakteron.

La socia fako de la 1889ª Ekspozicio havis tre grandan sukceson, kaj ĝuste pro ĉi tiu sukceso, dum en la Ekspozicio mem aŭdiĝis el ĉiuj flankoj plendoj pro la baldaŭa disigado de la multvaloraj kunigitaj dokumentoj. Oni bone konsciis, ke nura ĉiudekjara elmontrado de la progresoj faritaj en Socia Ekonomio tute ne sufiĉus por popularigi la jam akiritajn rezultatojn de ĉi tiu utilega scienco.

Post fermo de la Ekspozicio la interesuloj povis malhelpi la disigadon de la socia kolektado, kiu estis lokita en provizora konservejo. Post multaj klopodoj, ili sukcesis ricevi de la registaro malgrandan lokon en la Konservatorio de Artoj kaj Metioj, kaj fine tie malfermiĝis embria muzeo de Socia Ekonomio.

Ĵus en ĉi tiu momento la malavareco de Grafo de Chambrun ebligis la kreadon de privata institucio, kiu, per ĝia amplekso kaj ĝiaj agrimedoj, multe superis la pene fonditan oficialan muzeon.

La Socia Muzeo estas difinita por meti senpage al ĉies dispono la dokumentojn, modelojn, planojn, statutojn, ktp., de la sociaj institucioj kaj organizaĵoj, kiuj celas la plibonigon de la materia kaj morala stato de la laboristoj. Du trajtoj karakterizas ĝian agadon: ĝi estas sendependa, ĝi estas neŭtrala. Ĝi estas sendependa, ĉar, dank' al la malavareco de ĝia fondinto, ĝi ne bezonas helpon de registaro; sekve ĝi estas plene libera je politika vidpunkto; nur la veron ĝi serĉas, eĉ se ĉi tiu vero povas esti malagrabla al la regantaj rondoj. Ĝi estas neŭtrala, ĝi kolektas senpartie ĉiujn sociajn dokumentojn; ĝi ne konstruas teoriojn, nur faktojn ĝi enregistrigas. Ĝi ne diras al la interesuloj: faru tion aŭ alion, sed ĝi diras: jen kio estas jam farita pri iu demando, jen la solvoj jam alprenitaj, jen la rezultatoj ricevitaj.

Resume, la Socia Muzeo ne estas regejo, ĝi ne estas solvejo, nur informejo ĝi estis kaj estas aŭ, alie dirite, ĝi estas nura magazeno de spertaĵoj. Ĝia rolo estas duobla: kolekti kaj vulgarigi.

Unu el ĝiaj direktintoj trafe karakterizis tiun duoblan rolon, ĝin komparante al tiu de suĉa kaj ŝpruciga pumpilo, kiu entiras el la tuta mondo certajn kaj precizajn informojn kaj ilin elpuŝas en ĉiujn lokojn, kie estas fondota nova socia institucio.

La ĉefaj agadrimedoj de la Muzeo estas:

Daŭra ekspozicio de Socia Ekonomio. — Senpaga biblioteko kaj arkivoj. — Liverado al interesuloj de ĉiuj informoj pri sociaĵoj. — Teknikaj konsultoj pri kreotaj institucioj. — Publikaj paroladoj, kursoj, parolaj klarigoj. — Studmisioj kaj enketoj en ĉiuj landoj. — Eldonaĵoj por konigi la laborojn de l' Muzeo kaj la kunigitajn dokumentojn. — Konkursoj.

La Biblioteko enhavas ĉiujn librojn, broŝurojn kaj gazetojn temantajn pri ekonomiaj kaj sociaj demandoj.

La Arkivoj konsistas el specialaj dokumentaroj por ĉiuj gravaj demandoj de la socia vivo; ĉiu dokumentaro enhavas eltranĉaĵojn de ĵurnaloj kaj revuoj, raportojn, ktp.

La teknikaj konsultoj estas unu el la plej gravaj taskoj de l' Muzeo. Ofte bonintencaj personoj volas fari ion en la socia fako, pri kiu ili havas nur tre konfuzan ideon; ili aŭdis pri iu institucio kaj deziras organizi similan. Sed, manke de gvidanto, unuj ŝanceliĝas por eniri ĉi tiun nekonatan kampon kaj forlasas la intencon; aliaj, pli sentimaj, entreprenas la aferon, sed tro ofte pagas sian nespertecon per danĝeraj faloj aŭ almenaŭ per maltrafaj provoj kaj eraroj. Kaj efektive la sociaj institucioj havas teknikon; nur korekte organizitaj ili liveras siajn bonfarojn. Sento ne sufiĉas; sento povas esti la movanto, sed scienco devas esti la gvidanto.

Bedaŭrinde ne tiel oni kutime agas. Puŝite de bona instigo, oni improvizas organizaĵon, ne sciante, ĉu jam oni ĝin provis aliloke kaj ne antaŭzorgante pri la postaj sekvoj. Jen la kaŭzo de tiom da bedaŭrindaj malsukcesoj, de tiom da doloriĝaj kaj suferigaj elreviĝoj, kiuj ne sole mortigis multe da malbone organizitaj institucioj, sed ankaŭ vundis la ideon mem de antaŭzorgemo.

Pri ĥemia, medicina, jura, mekanika demando neniu malŝatas la opiniojn de specialistoj; oni ne hontas, peti de ili konsilojn. Kial, pri sociaj demandoj, ne konsulti teknikistojn? Ĉu oni kredas, ke la sociaj mekanismoj estas malpli delikataj ol la organoj de fera aŭ kupra maŝino? Estus eraro, ĉar malantaŭ tiuj institucioj estas la homo, kun sia komplikeco, siaj sentoj kaj siaj interesoj.

Laŭ vorto de filozofo: „voli ne sufiĉas, oni devas scii: voli kaj scii estas povi."

Tiun urĝan bezonon kontentigas la Socia Muzeo: al tiuj, kiuj, por agi, volas scii kaj avidas ĝustajn kaj sentendencajn informojn, ĝi liveras ĉiujn sciigojn, modelojn de statutoj, statistikojn, bibliografion, resume ĉion necesan por ilin klerigi kaj gvidi en la korekta organizado de kreotaj institucioj. Kiel jam dirite, la Muzeo proponas sian helpon nur por doni informojn pri intencita solvo, sed tute ne pretendas altrudi sian solvon. En la vasta kampo de Socia Ekonomio, la nepagantaj klientoj de la Muzeo restas tute liberaj pri siaj plaĉoj: la Muzeo nur montras al ili la jam aliloke faritajn aplikaĵojn, la diversajn solvojn alprenitajn por sama demando, la ricevitajn rezultatojn, la evitotajn danĝerojn, la modelojn de statutoj, kiuj bone sukcesis, la matematikajn tarifojn pri kotizaĵoj kaj pensioj, unuvorte, ĉiujn dokumentojn ebligantajn al ili la alprenon de sagaca opinio kaj de taŭga decido sub ilia propra respondeco.

Ĉi tiuj konsultoj havas karakteron ne doktrinan, sed teknikan, ili estas starigitaj ne sur arbitre faritaj teorioj, sed sur faktoj, sur observoj, sur precizaj kalkuloj. Resume, la Socia Muzeo estas por la konsultantoj fidinda kaj kompetenta gvidanto, kaj ne mastro ilin varbanta por tiu aŭ alia sistemo.

Alia agadrimedo, kiu havis grandan influon al la progresoj de Socia Ekonomio, estas la organizado de konkursoj pri la plej gravaj sociaj demandoj. Riĉe dotitaj, dank' al la malavareco de Grafo de Chambrun, ĉi tiuj konkursoj instigis la aperon de tre gravaj laboroj. Inter la plej belaj temoj proponitaj oni povas citi la demandon pri asociado.

La izola individuo havas nur malfortan apogon kaj similas la sableron, kiun forportas la vento. Se vi aglomeras per cemento la malfirman polvon, tiam vi faras el ĝi granitan blokon, kiu ne timas la atakon de ondoj aŭ estas utiligebla kiel firma konstrua bazo. Same, asocio estas la cemento de la individuoj kaj igas ilin kapablaj subteni entreprenojn ĝis tiam tro pezajn por iliaj ŝultroj.

„La tuto, oni diris, estas pli sprita ol Voltaire." Ankoraŭ pli prave oni povas diri, ke la tuto estas pli forta ol Herkuleso kaj pli riĉa ol Kresuso.

Nenio pli bone montras la potencon de la kunigitaj moneretoj, ol ĉi tiuj miliardoj produktitaj de la popola ŝparo kaj deprenitaj de la eta ĉiutaga salajro. Estas ĉi tiu ŝparo, kiu subtenas la Ŝtaton, konstruas la fervojojn, traboras la montojn, starigas la ŝipliniojn kaj kuŝigas la elektrajn kablojn funde de la oceanoj. La gigantaj anonimaj societoj, kiuj ŝanĝas sub niaj okuloj la supraĵon de l' tero, estas

asocioj de malgravaj kapitalistoj. Same kiel agregatiĝante, zoofitoj konstruis submarajn mondojn, ankaŭ malgrandaj ŝparoj, asociante speson post speso, ebligis tiujn gravajn entreprenojn, pro kiuj nia tempo prave fieras.

Krom tiuj mirakloj faritaj en la materia kaj financa kampo, asocio produktis aliajn ne malpli mirindajn en la morala kaj socia. Efektive ĝi instigis la kooperan kaj sindikatan movadon; ĝi naskis la plejmulton de la antaŭzorgaj institucioj kaj, speciale, la mutualecon.

Kompensante la mankojn de l' individuo, la asocio utilas por ĝin ŝirmi kontraŭ la uzurpoj de l' Ŝtato. Ĝi ludas la rolon de kuseno inter la individuo tro malforta kaj la Ŝtato tro potenca. Kio estas nefarebla de sola homo estas facile plenumata de mil, neniel bezonate la Ŝtato, kiu havas sufiĉe da laboro zorgante pri la ĝeneralaj interesoj kaj kies entrudiĝo en la privatajn aferojn estas ĉiam evitinda.

Resume, dank' al sia bonega organizado, dank' al siaj misiistoj, al siaj korespondantoj en ĉiuj landoj, al sia plena neŭtraleco, al sia tute scienca metodo, la Socia Muzeo mirinde plenumis la programon montratan de ĝia fondinto; ĝi ludis tre gravan rolon en la socia franca movado; ĝi utilis kiel tipo por la kreado de similaj organizajoj en Nov-Jorko, Londono, Stokholmo, Budapesto, ktp. Vera laboratorio de sociaj serĉadoj, ĝi estas potenca ilo de socia pacigo, kaj prave meritas la belan laŭdon de Jules Simon:

„Brilos en Parizo tri monumentoj: la „Nacia Biblioteko", sur kiu oni povus skribi: *ĉi tie oni sin instruas;* la „Louvrea Muzeo", sur kies pordo oni skribos: *ĉi tie oni admiras;* kaj la „Socia Muzeo", por kiu mi proponas la surskribon: *ĉi tie oni pacigas.*"

Laŭ *Emile Cheysson.*
Resumis *Neo Katryn.*[1]

# NOTOJ

∴ **La moderniĝo de Jeruzalemo.** — La vojaĝantoj, kiuj antaŭ tridek jaroj iris al Jeruzalemo, ŝajnis bravuloj, kaj fakte bravaj ili tiam estis, ĉar en tiu tempo oni nesciis la unuajn elementojn de komforto en la kajutoj nomataj hoteloj, kie la fremduloj devis loĝi. De tiam, trans la remparoj, norde kaj sude, naskiĝis alia urbo, kurioze kosmopolita, ĉiutage pligrandiĝanta kaj adaptiĝanta al la postuloj de la vizitantoj. La urbestraro ĵus kontraktis kun franca societo por la starigo de elektra lumo, la aranĝo de akvoservo kaj la konstruo de gravaj tramlinioj! Tiun lastan novaĵon aparte ŝatos la turistoj, kiuj ĝis nun devis esplori la ĉirkaŭaĵojn per veturiloj. La plej rapidemaj kaj malplej riĉaj pilgrimantoj devis restadi en Palestino almenaŭ unu semajnon. Dank' al la elektra tramo ili povos pli rapide reveturi al Eŭropo aŭ pli komplete viziti la landon.

La tri tramlinioj foriros de la pordego Jaffa. Unu trapasos la negockvartalon, alia oriente iros al la izraelida kvartalo, la tria atingos la jam ekzistantan mallongan linion, kiu kondukas al la pinto de la Monto de l' Olivarboj kaj estis starigita en 1898 okaze de la vojaĝo de Imperiestro Vilhelmo II. Fine, pli malfrue oni konstruos kvaran linion suden, al Bethleem. La societo devos plilongigi ĉiun linion je 25 kilometroj antaŭ kvin jaroj. Post kvardek jaroj ili fariĝos urba posedaĵo. Tiuj novaĵoj faros el la tre antikva urbo Jeruzalemo tre modernan civiton. — El *„Le Miroir"* (Paris).

∴ **Maljunaj vojaĝantoj.** — Ĵurnalo en Harrismith (Sud-Afriko) raportas la jenan: Tre respektinda nigrulo, kiu estas aĝa ne malpli ol 119 jarojn, kune kun la edzino (aĝa 98 jarojn) kaj filo (aĝa 80) foriris el Harrismith antaŭ kelkaj tagoj per la vagonaro. La plej maljuna viro ĵus ekposedis farmbienon en la Transvaalo, kaj tien iras por komenci novan vivon, kun tiel multe da entuziasmo kiel oni vidas ĉe juna viro de 21 jaroj. La virinon oni devis porti al la vagono, sed la maljuna viro iom rekte marŝis. La maljuna paro altiris multe da rigardado, kaj la fervojaj oficistoj faris sian eblon por ilia komforta irado. Estas malfacile kompreni, en tiaj tempoj de rapida ŝanĝo kiel la nunaj, ke per la foriro de la tri personoj, nun perdiĝas al la distrikto, viro, kiu naskiĝis en 1794, kaj tial vivis en tri diversaj jarcentoj. — Trad. *L. Wood* (Durban).

∴ **Turmentado de bestoj.** — Al la plej multekostaj kaj ŝatataj peltaĵoj, per kiuj niaj sinjorinoj sin ornamas, apartenas la delikataj ŝafidaj feloj, produktataj en Chiwa-, Buĥara- kaj Turkestanlandoj. Oni nomas ilin (germane) Persianer, Astraĥan kaj Breitschwanz (larĝvosto). La plej bela kaj multepreza el tiuj feloj estas la lastenomita, larĝvosto. Ĝin liveras ĵus naskotaj ŝafidoj. Tial la felaĵo estas tre multekosta, ĉar oni devas buĉi la ŝafinon mallonge antaŭ la nasko. Oni povos facile imagi, kia arego da ŝafinoj estas ĉiujare oferata al la modo, ĉar el tiuj feloj ne nur estas farataj peltaĵoj por sinjorinoj, sed ankaŭ rusaj sinjoroj tre ŝatas ilin kiel ĉapojn kaj kolumojn. La turkestanaj Kirgisoj, la ĉefliverantoj de larĝvosto, nun ellaboris metodon, kiu multe malpliigas la kostojn de l' produktado, de kiu efektive nur ili mem havas profiton, ĉar ili tial tute ne plimalaltigas la prezojn de la feloj. Sed tiu metodo estas unu el la plej abomenindaj brutaĵoj, kiujn oni povas imagi, kaj ĝi estas komparebla nur kun la krueleco, per kiu oni havigas al si la plumojn de ardeoj. Sed dum oni tre dankinde klopodas pri la protekto de tiu nobla fiŝrabisto, la senkompataj Kirgisoj povas plenumi je la bedaŭrindaj ŝafoj kruelaĵojn, kiuj rigidigas la sangon en la vejnoj. Dum ĉe la buĉado kompreneble ĉiuj bestoj estas perdataj — la viando estas eĉ al la gusto de Kirgiso ne agrabla — oni, kaŭzante aborton, sukcesas, ke almenaŭ parto de la ŝafinoj restas vivanta. La abortigo estas farata tiamaniere, ke du Kirgisoj batas la alligitan ŝafinon per bastonoj tiel longe, ĝis la malfeliĉa besto kompatinde kriante kaj sub teruraj turmentoj naskas la idon. Tiun ĉi oni tuj senfeligas, kaj la viandon oni ĵetas al la hundoj. Laŭ certigo de ĉeestintoj per tiu ĉi maniero restas vivantaj du trionoj de la turmentitaj ŝafinoj. Se do sinjorino estas en la agrabla situacio, ke ŝi povas aĉeti aŭ donace ricevi multeprezan mantelon el larĝvosto, ŝi ne forgesu, ke tiu ĉi „peltjuvelo", kiel oni diras hodiaŭ, kaŭzis al aro da kvietaj bestoj terurajn turmentojn, por kiuj precipe la virinoj devus havi komprenon. Ili ne trankviligu sin, pensante, ke oni povas instigi la Kirgisojn al alia, pli humana metodo. Kiu konas la cirkonstancojn en la Kirgisa stepo kaj la Kirgisojn, tiu bone scias, ke iu kontrolo en la stepo kompreneble estas tute neebla, kaj ke tiuj duonsovaĝaj kaj kruelaj nomadoj ridus al ĉiu en la vizaĝon, kiu volus al ili komprenigi, ke ili agas malhumane. Protesti kontraŭ tiuj turmentoj oni povas nur ĉesante porti larĝvoste-peltaĵon. Sed ĉu tio estas ebla? La diino Modo ja estas ofte pli kruela ol la Kirgisoj. — Trad. *Joseph Sommer* (Del. Lippstadt).

∴ **Grandurba mizero.** — En Charlottenburg (Berlin), la urbo de la milionuloj estis devigitaj ricevi malriĉulo-subtenojn, inter aliaj: 3 apotekistoj, 3 ĥemiistoj, 4 dentistoj, 3 arĥitektoj, 4 termezuristoj, 15 inĝenieroj, 6 verkistoj, 8 aktoroj, 2 kantistoj, 4 artpentistoj, 6 instruistoj, 38 iamaj poŝtoficistoj, 51 iamaj fervojoficistoj, 11 policistoj kaj 59 mastroj. Inter la virinoj subtenitaj: 15 muzikinstruistinoj, 10 aktorinoj, dancistinoj ktp., 2 verkistinoj kaj 55 negocposedantinoj kaj komercestrinoj.

Kiom da homa mizero sangas el tiuj sekegaj ciferoj! Ĉu tio devas esti? — El *Türmer-Rundschau*, trad. *F. W. Mischke.*



[1] En *Lingvo Internacia.*

# Bileto de blankbarbulo

## *Pripensoj de ne-monduma moralisto pri Dankeco*

*Ĉe malbela estas la sendankeco, pli malbela ankoraŭ la dankeco, kiu pligrandiĝas aŭ ĝis forgeso malpligrandiĝas laŭ la momenta rangeco, influo, potenco aŭ valoro de tiuj, kiuj faris servon.*

*Al nia monduma moralo tiu ĉi dankeco tamen plene sufiĉas, kaj alian ĝi nek praktikas, nek komprenas.*

*Severa ĝi estas eĉ, tiu ĉi moralo, al tiuj, kiuj, — ĉar ili konscias, ke* pro respekto al ni mem *ni devas en ĉiuj cirkonstancoj resti dankaj al tiuj, kies servojn ni unufojon akceptis, — rifuzas forgesi la servojn faritajn de homoj, kies konduton ili tamen poste ofte malaprobas kaj, kiel aliaj, severe juĝas.*

*„Vere estas, amiko, — diras nia salona moralisto, — ke N . . . helpis al vi antaŭ kelkaj jaroj, sed nun vin li kompromitas, prenu do ankaŭ ŝtonon kaj kun ni ŝtonigu la malbenitan viron, kiun vi ne plu bezonas!"*

*Ne respondu, ke tia konduto ŝajnus al vi malnobla, vin la mondo insultus „don Kiĥoto" aŭ eĉ pli akre.*

*Tamen la mondo eraras.*

*La dankeco estas virto, kiu ekzistas per si mem, por si mem en la koro de l' dankemulo; ĝi ne dependas de l' merito aŭ nemerito de ĝia objekto, aŭ ĝi ne plu estus virto, sed nur kalkulo.*

*Ĝi ne estas blinda pri la eraroj aŭ kulpoj de ĝia objekto; ilin ĝi povas bedaŭri, ilin ĝi povas kondamni, sed ĝi restas fidela, malgraŭ ĉiuj bedaŭroj, ĉiuj malagrablaĵoj, ĉiuj riproĉoj aŭ atakoj, eĉ kiam ili venas, kiel povas okazi, de tiuj mem, al kiuj oni restas obstine danka.*

*Eĉ se oni pentus pri la akceptitaj servoj, oni ne havus la rajton ilin forgesi, ĉar tio estus malplialtiĝo de la tuta morala personeco.*

* * *

*Ni do ĉiam respektu la dankecon ĉe la aliaj, eĉ kiam ĝi ŝajnas al ni malfacile pravigebla aŭ malbone lokita; ni neniam postulu de homo, kiun ni estimas, ke li fariĝu sendanka kontraŭ iu ajn, tial ke tia postulo estus atenco al lia ne „monduma" sed „homa" honoro, kiu multe pli valoras ol la monduma.*

Th. Cart.

# KRONIKO

Ni rememorigas, ke por la redakto de tiu rubriko ni bezonas la kunlaboradon de ĉiuj legantoj, speciale de ĉiuj Delegitoj de UEA. Ni plezure enpresos ĉiujn *freŝajn* informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, ktp. Oni bonvolu skribi koncize kaj tre legeble. Por esti enpresataj en la plej proksima N-ro, ĉiuj komunikaĵoj devas esti ricevataj de ni *antaŭ la $10^{a}$ kaj $25^{a}$ de ĉiu monato. Pri malnovaj faktoj ni ne raportas.*

*La redakcio.*

## Aŭstrio-Hungario.

*Arad:* La loka grupo partoprenis la ĉiujaran feston de la societo „Blanka Kruco", kaj kiel la pasintan jaron, starigis apartan tendon ornamitan per standardo kaj diversaj Esperantaĵoj. Ĉirkaŭ la tendo Esperantistinoj okupis sin pri la vendado de diversaj esp. objektoj kaj disdonis flugfoliojn. Vira ĥoro aŭdigis esp. kantojn. En la tendo mem estis aranĝita „mondpoŝtejo" por pruvi la utilecon de Esp. por korespondado kun iu ajn lando per helpo de la Del. de UEA. Oni sendis informpeton eĉ al Ĥinujo kaj havis brilan rezultaton. La gazetoj favore raportis kaj enpresis fotografaĵojn de la tendo. — *Dubrovnik:* Dum majo kaj junio S-ro M. Dugandžić faris propagandajn paroladojn. La gazeto „Smotra Dalmatinska" aperigis favoran artikolon. — *Késmárk:* Dank' al la fervora agado de S-ro L. König fondiĝis la Esp. grupo „Tátra". Kurso komenciĝis la 17 junio. Prezidanto de la grupo kaj gvidanto de la kurso estas S-ro L. König. — *Klagenfurt:* S-ro Homer fondigis novan grupon kun 16 anoj. — *Loštice:* La 27 majo fondiĝis nova klubo kun speciala celo akceli la vizitadon de fremduloj en Loštice kaj ĉirkaŭaĵo. La sekretario, S-ro B. Verner, Del., donas detalajn informojn kontraŭ respondkupono. — *Stenico:* Dank' al la klopodoj de S-ro D-ro A. Mondini, Del., malfermiĝis kurso kun 33 anoj sub gvidado de F-ino F. Diprè. — *Szeged:* La tria Tuthungarlanda Kongreso decidis prezenti petskribon al la Ministro por edukaferoj, celantan la ĝeneralan permeson de ministro por instrui Esp. en ĉiuj hungarlandaj mezgradaj kaj ĉeflernejoj. Tiu petskribo estis transdonita al la ministro la 12 junio de S-ro parlamentano D-ro A. Giesswein.

## Belgujo.

*Ecaussines:* Sekve de la artikolo aperinta en N-ro de la 5 majo, la manĝeton en Ecaussines, okazintan la lundon de Pentekosto, partoprenis angla, franca kaj du belgaj samideanoj.

## Britujo.

*Blackpool:* S-ro J. Hadall faris paroladon antaŭ la membroj de la „Adult School". — *Bradford:* La 24 majo ĉe Horton Bank Jop dimanĉa lernejo S-ro J. T. Holmes faris paroladon pri la Esp. movado. Ĉeestis 20 personoj kaj vigla diskutado sekvis la paroladon. Kelkaj promesis aliĝi al kurso baldaŭ malfermota. La 7 junio S-ro J. T. Holmes parolis pri „Internacia Lingvo kaj ĝiaj eblaj rezultatoj" en Horton Green Mens Meeting antaŭ 25 personoj. La parolado vekis grandan intereson inter la aŭskultantoj. — *Brighton:* La vintra sezono finiĝis en majo per societa vespero. La Vagada Klubo kunvenos dum la somero. — *Exeter:* La Klubo ricevis la 5 majo viziton de S-ro R. Sharpe, kiu faris tre interesan paroladon. — *Harrogate:* Ĉe la fermo de la vintra kurso en la Teknika Lernejo oni donacis premiojn al la plej sukcesintaj studentoj. Oni decidis daŭrigi la kursojn dum la somero. — *Hastings:* Sekve de parolado farita de S-ro B. Mudie en la gimnazio, 25 knaboj komencis lerni la lingvon dum la libertempo. Oni ĵus faris ekzamenon, kiu montris bonajn rezultatojn. — *Londono:* Nova grupo ĵus fondiĝis en Geenwich, kaj ĝi jam aranĝis ekskurson al la Chiselhurst Kavoj je 6 junio. Nova grupo ĵus fondiĝis en Tufnell, norda Londono. La ĉiujara kunveno de la Wood Green grupo okazis la 9 majo kaj plene sukcesis. Okazis en Finsbury Parko granda subĉiela kunveno, kaj oni faris tre bonan propagandon inter la ĉeestintoj. S-ro Blaise faris paroladon antaŭ membroj de la Argyle Square Preĝejo (Nova Eklezio) kaj jam stariĝis kurso de 12 membroj. Je la 19 majo, S-ro Mudie faris paroladon antaŭ 150 pliaĝaj studentoj de la Knabina Altgrada Lernejo, kaj kurso espereble baldaŭ komenciĝos.

Kurso estis starigita sur la granda vaporŝipo „Runic" survojaĝe de Aŭstralio ĝis Anglujo, kaj ĝi tre sukcesis. La B. E. A. proponas premion da 21 Sm. por la plej bona kinematografa rakontaĵo, bazita sur la komplikaĵoj kaŭzitaj de la lingvaj malfacilaĵoj, forigitaj de Esperanto. Granda konkurso estas aranĝita inter la Knabo-Skoltoj, kaj detaloj aperis en la oficiala organo de la Skoltoj „The Scout". Multaj premioj estas proponitaj, kaj jam preskaŭ 200 knaboj volas partopreni. Lastan jaron oni dissendis al la debata societo de ĉiu altgrada lernejo (gimnazio) en Britujo cirkuleron proponantan debaton pri Esperanto, kaj sekve de tio, kelkaj interesaj debatoj jam okazis kaj baldaŭ okazos. Ankaŭ kelkaj tiaj lernejoj akceptis la proponon de senpaga kolekto de Esp. libroj por sia biblioteko. En januaro la Middlesex Edukada Komitato decidis fari eksperimentan kurson al 50 knaboj en sia Brentford Elementa Lernejo, kondiĉe, ke la B. E. A. mem provizu kaj pagu la instruiston. La kurso jam finiĝis

antaŭ kelkaj semajnoj, kaj oni faris ekzamenon. 41 partoprenis, kaj 37 gajnis ĝin, el kiu 12 ricevis honoran mencion. La plej juna kandidato gajnis unuan premion. La Edukada Komitato estas tiel kontenta pri la rezultato, ke ĝi decidis daŭrigi la kurson dum venonta vintro, pligrandigi ĝin ĝis 150 knaboj, kaj mem pagi la instruiston!

## Danujo.

*Kopenhago:* La maja kunveno de la Societo de Danaj Esperantistoj estis aranĝita en arbaro. Oni vizitis la tombon de la fondinto de la societo, S-ro F. de Skeel-Giörling, al kiu dum la lasta vintro funebra monumento estis starigita. La prezidanto metis florkronon sur la tombon kaj faris mallongan memorparoladon, kaj fine, en la nomo de la societo, dankis ĉiujn en- kaj eksterlandulojn, kiuj helpis starigi la tombmonumenton por la plej eminenta dana Esperantisto.

## Francujo.

*Bordeaux:* La grupo organizas por la gejunuloj konkurson de Esp.; unua premio estas vojaĝo al Parizo. — *Grenoble:* Lasttempe okazis la ekzamenoj por la geknaboj, kiuj sekvis la esp. kursojn de la urbaj lernejoj. 127 sin prezentis, el kiuj 80 ricevis premiojn. La ekzamenantaro konsistis el anoj de la loka grupo prezidata de S-ro Lajonchère, inspektoro de unuagradaj lernejoj. — *Marseille:* Nia movado kontentige progresas. Kvar kursoj bone funkcias ĉiusemajne. Dank' al la klopodoj de S-ro Laure la urba konsilantaro plialtigis la subvencion de 20 Sm. al 40 Sm. La grupo organizas ĉiudimanĉe ekskursojn al najbaraj grupoj. — *Paris:* Kurso malfermiĝos ĉe la Supera Lernejo de Aeronaŭtiko, post parolado de S-ro Archdeacon. La monata vespermanĝo de la 12 majo estis tre brila, ĉeestis i. a. Princo Roland Bonaparte, S-roj Lallemand, membroj de la Franca instituto, Gariel, membro de la akademio de medicino, Grafo de la Vaulx, aeronaŭto, k. a. La 3 junio okazis jara festeno sub prezido de S-ro Cart. S-ro Ed. Privat faris ĉe la Sorbonne interesan paroladon pri la Deka Kongreso. — *Poitiers:* La 17 majo okazis bonsukcesa koncerto kun prezentado en la ĉambrego de la urbodomo, organizita de la „Esp. Junularo" sub prezido de S-ro Fréchet. La esp. parto estis tre aplaŭdata de la multnombra ĉeestantaro.

## Germanujo.

*Hof:* Kurso de S-ro Ziegler, Del., kun 16 lernantoj. — *Kiel:* Dum la ĉefkunveno de la germana instruistaro, la 2 junio, okazis aparta kunsido por Esperanto. Sekve de parolado pri la interrilatoj inter Esp. kaj popollernejo, farita de S-ro Thiel el Dresden, la ĉeestantaro decidis fondi Esp. Asocion de germanaj instruistoj. La jarkotizajo estas fiksita je 1 M. Aliĝon akceptas M. Sykora, Martin-Luther Str. 6, Dresden. — *Leipzig:* En la „Schreber-Verein", Leipzig-Lindenau, S-ro Roessel faris propagandan paroladon, kiu estis bone vizitita. Novaj kursoj komenciĝis por la poŝtsuboficistoj kaj en la unuiĝo de kristanaj junuloj kaj popollernejanoj. La Saksa Esp. Instituto malfermos novan apartan kurson por instruistoj; 21 jam enskribiĝis. — *Potschappel:* S-ro W. Johne, Del., gvidas kurson kun 30 anoj; plie li instruas Esp. al klaso en la popollernejo kun 33 lernantoj. — *Stralsund:* Nova grupo fondiĝis post kurso gvidita de S-ro R. Buhtz, Del.

## Hispanujo.

*Barcelona:* S-ro R. S. Rocamora, advokato, faris du gravajn paroladojn ĉe la societoj „Fajro" kaj „Paco kaj Amo", pri la neceseco oficiale enkonduki Esp. Oni preparas gravan dokumenton subskribotan de la prezidantoj de la esp. grupoj, prezidantoj de kulturaj kaj politikaj asocioj kaj kelkaj provincaj deputitoj, por ĝin transdoni al Lia Reĝa Moŝto de Hispanujo.

## Italujo.

*Busseto:* S-ro P-ro M. Carolfi starigis novan grupon. — *Cremona:* Nova grupo fondiĝis la 25 junio dank' al la klopodoj de S-ro P-ro M. Carolfi.

## Rusujo.

*Kiev:* S-ro Illaŝeviĉ, Del., faris en Milita Klubo paroladon, kiun ĉeestis kelkdeko da oficiroj kun familianoj. Tre ampleksa ekspozicio estis aranĝita, kaj S-ro Illaŝeviĉ donis ekzemplan lecionon. En „Verda Stelo" S-ro Rusiecki raportis pri Esp-ismaj akiroj dum 1913. Sekvis teo kaj koncerto. Ĉeestis 90 personoj. — ***Vladivostok:*** Finiĝis jam la dua kurso aranĝita de S-ro A. Pagirev. Dum majo S-ro Pagirev faris propagandajn paroladojn en diversaj siberiaj pafistaj regimentoj. Li gvidis tri kursojn por oficiroj de tiuj regimentoj kun entute 93 partoprenantoj. — *Varsovio:* Okazis la jara kunveno de Pola Esp. Societo. S-ro A. Grabowski estas reelektita kiel prezidanto.

## Svisujo.

*Genève:* S-ro J. H. Krestanof faris en la Nova Klubo, la 24 junio, paroladon pri Balkano kaj balkanaĵoj. — *Lyss:* Sekve de Esp. kurso fondiĝis grupo kun 10 membroj. Jen la estraro: A. Rohrer, prezidanto; E. Scheurer, vicprezidanto kaj gvidanto de la ekzercaj kunvenoj; F. Müller, kasisto; F-ino A. Billeter, sekretariino; F-ino E. Wyss, bibliotekistino. Kunvenoj okazas ĉiumonate en la meza lernejo.

## Nord-Ameriko.

*Greenfield* (Illinois): Dank' al la klopodoj de S-ro E. M. Middleton, Del., la Esp. movado inter la blinduloj en Usono dum la lasta tempo multe progresis, kaj oni esperas, ke kursoj baldaŭ estos malfermotaj.

## Sud-Ameriko.

*Bahia Blanca:* Por la organizaj kaj fondaj laboroj de Esp. Ateneo estas starigita speciala komisiono konsistanta el S-roj D. J. Dalman, prezidanto; M. González Martinez, sekretario; J. A. Ballesteros, kasisto; A. Carrasco, V. Vaquiro kaj J. Lloréns, voĉdonantoj. Speciala kurso por S-inoj komenciĝis sub gvidado de S-ro D. J. Dalman.

## Azio.

*Canton:* S-ro Simpak fondis grupon sub la nomo „Dimanĉa Esperanto-studejo" kun pli ol 100 anoj. Nova kurso komenciĝis la 10 majo sub gvidado de S-ro Simpak.

---

# DEKA KONGRESO DE ESPERANTO

**Parizo, 2-10 aŭgusto 1914**

.·. **Postkongresaj ekskursoj.** — *Amiens.* La Esp. Grupo de *Amiens* (Norda Francujo) estus tre feliĉa, se kongresanoj bonvolus halti en Amiens por viziti tiun malnovan urbon, ĝian mezepokan Katedralon kaj la pitoreskajn strangajn legomkulturejojn, kiuj estas nur boate alireblaj, kaj etendiĝas pli ol kvar kilometrojn sur ambaŭ bordoj de la rivero Somme. Britaj samideanoj estas aparte invitataj pasigi en Amiens la lundon 10 aŭgusto. Kune kun la Iniciata Sindikato de Pikardujo, la Esp. Grupo aranĝas, sub la gvido de S-ro Pierre Dubois, la plej sperta kompetentulo pri la Pikardaj vidindaĵoj, interesan promenadon tra la urbo kaj ĉirkaŭaĵo. Partoprenontoj bonvolu avizi S-ron Borson, 3, rue Le Roux, Amiens. (Komforta ĉambro 3 aŭ 4 Fr., sen matenmanĝo; tagmanĝo 1,50 ĝis 3 Fr.; kotizo por la vespera festeno 4 Fr.; nenia pago dum la promenado.)

*Saint-Denis.* — Ekskurso aranĝata la 9 aŭgusto de la Esp. Grupo kun la konsento de la Organiza Komitato. Programo: 13¹/₄ h. Foriro de Paris-Nord per aparta vagonaro. — 14³/₄ h. de la stacidomo Saint-Denis ĝis la urbdomo, paradmarŝado de la kongresanoj antaŭitaj de ĉiuj urbaj societoj. — 15 h. oficiala akcepto. — 15¹/₂ h

Triumfa marŝado al la teatro. — 16 h. publika akceptado en la teatro, koncerto. — 17 h. vizito de la mirinda abatejo, ekkonstruita en 636, en kiu estas la tomboj kaj monumentoj de ĉiuj francaj reĝoj. — 19½ h. reiro al Parizo.

*Prezo:* 0,85 Fr. en IIa klaso; 0,55 Fr. en IIIa klaso. Oni aliĝu la unuan tagon de la kongreso.

.·. **Prezo de la kongreskarto.** — La Organiza Komitato komunikas al ni la jenan gravan informon:

„Fiksante je la 1-a de Junio la lastan templimon por aliĝi po fr. 15, ni celis doni rapide al la Kongreso sufiĉe grandan nombron da partoprenontoj. La celo estas trafita, ĉar antaŭ la 1-a de Junio ni ricevis pli ol 3000 aliĝojn. Al ĉiuj ni sincere dankas.

„Eble tamen kelkaj samideanoj, pro neriĉeco aŭ alia kaŭzo, ne ankoraŭ povis sendi sian aliĝon. Ĉi tiujn ni deziras favori. Estante nun certaj, ke ni ne kompromitos la sukceson de la Afero, ni povas prokrasti la templimon, kaj tion povante fari, ni faras. Do, *la templimo estas prokrastita ĝis la 15-a de Julio*; antaŭ tiu dato la aliĝo kostos fr. 15 (por familianoj, t. e. edzino kaj infanoj, fr. 10); post tiu dato, ĝi kostos respektive fr. 25 kaj 20. — Kongresanoj, kiuj sendis 25-frankan aliĝon inter la 1-a de Junio kaj la 15-a de Julio, ricevos la troan monon en la Akceptejo.

„Estas neeble konservi la saman prezon ĝis la Kongreso mem; efektive personoj, kiuj aliĝos ekz. je la 25-a de Julio, kaŭzos al ni certe tre grandan plezuron, sed ankaŭ laboron pli malfacilan kaj karan: juste estas, ke ili pagu ĝin. Aliparte tio ne ĝenos la verajn ŝparemulojn, ĉar persono, kiu ne kapablis en naŭ monatoj kunigi fr. 15, en du semajnoj kredeble ankaŭ ne kapablos . . . .

„Ni estas certaj, ke vi, karaj Esperantistoj, kvankam rajtas malfrue aliĝi, tamen klopodos por fari tion tuj kiam eble. Vi disponas la monan kaj spiritan rimedon, — ni, la laboremon. Ni kuniĝu, kaj venkos."

.·. **Kreditkartoj.** — Oni informas nin, ke la Ĉekbanko Esperantista faris aranĝon kun la „Société Générale" (kongresa banko), laŭ kiu la kreditaj kartoj eldonotaj de la Ĉekbanko estos pagataj dum la monato aŭgusto en la tempa oficejo starigota de la „Société Générale" ĉe la Deka Kongreso (Palais Gaumont). Pri tiuj ĉi kartoj, aĉeteblaj ĝis la 31 julio, oni petu pluan informon rekte de la Ĉekbanko (Merton Abbey, London, S. W.)

## DIVERSAĴOJ

.·. **Esperanto kaj ekspozicioj.** — Oni scias, ke ĉe la Mondekspozicio en *Leipzig* estas starigita Esperanto-pavilono. En la Internacia Urba Ekspozicio de *Lyon* (majo — oktobro 1914) estas ankaŭ aranĝita Esperanta fako. Aliflanke, en *Londono*, ĉe la Blanka urbo dum la venontaj ses monatoj okazas la Angla-Amerika Ekspozicio; la estroj de tiu ekspozicio permesis al BEA starigi specialan senpagan elmontron de Esperantaĵoj. En ĉiuj ekspozicioj UEA estas reprezentata.

.·. **Esperanto kaj scienculoj.** — Enketante la demandon pri lingvo internacia kaj pri Esperanto inter la bulgaraj verkistoj, scienculoj kaj ŝtatuloj, S-ro Krestanof ricevis tre afablan leteron kaj longan artikolon pri la supredirita temo de la konata slavisto kaj bulgara scienculo S-ro D-ro *B. Tsonev*, profesoro de filologio en la Sofia universitato. Aprobante tutkore Esperanton kaj bondezirante al ĝi sukceson jen kiel konkludas la estiminda profesoro:

„. . . La internacia lingvo, kia mi deziras, ke Esperanto restu por ĉiam, estos unuiga ĉenero inter la popoloj de tuta mondo, ĝi enverŝos mondan konscion en la homojn kaj fariĝos potenca elemento en la komuna progresado, helpante la plialtiĝon ne nur de l' saĝo, sed ankaŭ de l' koro, direktante nian animon al plena perfekteco, al egaleco kaj frateco."

Ni esperas, ke pri nia lingvo kaj afero la influa opinio de l' bulgara scienculo helpos nian movadon en Bulgarujo. Dankon al li!

.·. **Esperanto kaj turismo.** — Aperis bele ilustrita gvidlibreto de *Bromberg*, „la urbo de Frederiko la Granda", eldonita de la urbestraro.

Sub la aŭspicioj de UEA aperis novaj gvidfolioj de *Chemnitz, Lausanne, Nancy, Rorschach*.

Ĉiuj tiuj eldonaĵoj estas riceveblaj de la C. O. de UEA.

.·. **Esperanto kaj komerco.** — La Franca Societo por la propagando de Esperanto eldonis franclingvan broŝuron por propagando ĉe komercistoj *(Pourquoi les Commerçants doivent et comment ils peuvent aider à la propagation de l'Esperanto)*, kompetente verkitan de S-ro Rollet de l'Isle. Prezo: 5 centimoj. — La firmo *F. G. Jüngel*, Dresden-A., eldonis ilustritan Esp. prospekton pri tranĉiloj, bruligiloj razaparatoj, ktp.

.·. **Grava helpo por Esperanto.** — Pri tre ĝojiga sukceso de Esperanto en Leipzig ni povas raporti. D-ro A. Steche, Delegito en la Saksa Parlamento, jam ofte favore parolis por nia lingvo antaŭ la parlamentanoj. Nun li helpis ankaŭ per monrimedoj: li donacis 10,000 Markojn, kiuj parte apartenas al la Saksa Esperanto-Instituto, parte al la Loka Ligo de la Esperantistaj Societoj en Leipzig. La mono estas uzota por luado de aparta Esperanto-hejmo, por propagandaj celoj kaj kiel salajro de la Esperanto-instruistoj. Per ĉi tiuj rimedoj oni espereble sukcesos, pli bone ol ĝis nun helpi la kreskadon de Esperanto en Saksujo; al S-ro D-ro Steche la Esperantistaro ŝuldas multan dankon por lia bonfaro. Estas dezirinde, ke li havu multe da sekvuloj en aliaj urboj kaj landoj.

.·. **Peresperanta vojaĝo tra Ĥinujo.** — Nia fervora Del. en Shanghai sendas al ni la interesan suban informon: „Peresperanta vojaĝo ankoraŭ estas malofta tra Ĥinujo, sed ĝi estas same facila sen malhelpo kiel tra Eŭropo aŭ Ameriko. Jen pruvo: S-ro D-ro Yemans, usonano loĝanta en Filipino, ĵus faris peresperantan vojaĝadon tra Orienta Azio kaj unue tra Ĥinujo. Komence li alvenis al Shanghai kaj restante dum du tagoj, li estis akompanata de l' samideano Jaŭ por viziti la tutan urbon. La 8-an vespere de aprilo li estis akceptata en kunvenejo de tiea Esperantistaro kaj faris paroladon: Esperanto estas tre bezonata de la nova respubliko, kiu urĝe devas interesiĝi je eksterlandaj aferoj, kaj Esperantista movado nun en la tuta mondo estas jam tre granda ktp. Fine li aldonis, ke okcidentaj skeptikuloj rigardas nian aferon en Oriento; tial mi raportos poste al ili por konvinki ilin, ke Esperanto tre taŭgas ankaŭ por Orientanoj, kaj mi instigos gesamideanojn vojaĝi tra la Oriento.

Vere, Esperanton kian parolas usonano, tian ankaŭ parolas ĥinoj; S-ro Yemans diris, ke estas nek usonanoj nek ĥinoj sed nur esperantistoj, samlingvanoj kaj fratoj.

Dume li vojaĝas en aliaj urboj; la tutan sukceson ni raportos alifoje.

## TRA LA GAZETARO

.·. *Pola Esperantisto* (majo). La tasko de niaj societoj (D-ro A. Czubrynski):

„...La lingvo estas la standardo de la kulturo. La lingvo internacia estos la standardo de internacia kulturo. Sekve, ni enkonduku en societojn ne nur la lingvon, sed ankaŭ tiun ĉi kulturon, ĝian spiriton. Ni prelegu, ekkonu, diskutu pri modernaj internaciaj okazintaĵoj, pri la eltrovaĵoj kaj ilia influo je moderna vivo... Kiel lingvo internacia, Esperanto havas la taskon fariĝi la standardo de internacia kulturo, kiun ĝi devas trasaturigi, trapenetri en ĉiujn branĉojn kaj regionojn. Ĉiam kaj ĉie, kie tio estas ebla, oni devas praktike apliki Esperanton..."

.·. *Matematika Bulteno*. Ĵus aperis la unua Nº de „Matematika Bulteno" 16-paĝa Esperanta revueto, kiu enhavas nur artikolojn pri

matematikoj. Tiu ĉi numero enhavas artikolojn „Pri geometrio sur konstantkurbecaj surfacoj en la neeŭklida spaco“ de Prof. C. Vörös (Budapest), aŭtoro de tri altsciencaj volumoj en Esperanto „Pri geometrio absoluta“; „Pri iu supera limo de la longeco de kurbo enhavanta konveksan donitan areon“ de P. Lambert, studento en la Normala supera lernejo (Parizo). Flanke de tiuj pure sciencaj temoj, la revueto enhavas artikolojn de pedagogia karaktero, celantajn esti utilaj al matematikaj instruistoj, nome: „Pri la plej granda komuna divizoro kaj la plej malgranda komuna oblo“ de Th. Rousseau (Dijon), membro de la franca sekcio de la Internacia Komisiono por Matematika Instruado; pri „Evitindaj malbonaj sekvoj de la matematika Instruado“, de Prof. M. Fréchet (Poitiers), aŭtoro de multaj gravaj laboroj pri la moderna teorio de la funkcioj. Fine en la rubriko: Oni demandos, vi respondu! kiu fariĝos utila reciproka matematika informejo, ĉiuspecaj studentoj gimnaziaj kaj universitataj trovos zorge redaktitajn solvojn de diversaj pli malpli klasikaj problemoj kaj tekstojn de solvotaj interesaj demandoj.

La jara abono kostas nur Fr. 1.25 por membroj de UEA kaj Int. Scienca Asocio, kaj Fr. 2.50 por aliaj. Oni abonas ĉe la direktoro S-ro Th. Rousseau, 37, rue Jean-Baptiste Baudin, Dijon (Côte d'or, Francujo). La monon oni povas sendi al lia konto en la Centra Kaso de UEA en Genève. Unu ekz. Fr. 0.50. La venonta N° aperos en julio.

∴ *Les Annales politiques et littéraires* (majo), unu el la plej legataj beletristikaj revuoj de Francujo, tre favore raportas pri la decido de la urbestraro de Sotteville-les-Rouen, doni la nomon Zamenhof al unu el la novaj stratoj.

∴ Favoraj artikoloj aperis en: *Marienbader Kur-Zeitung* (3 junio); *Journal de Sotteville* (30 majo); *Kurjer Kaliski* (29 majo); *Zuhur*, Bagdad (21 aprilo); *Reclam's Universum*, Leipzig (15 junio); *Königsberger Hartungsche Zeitung* (5 junio): *Rorschacher Zeitung* (8 junio); *Ostschweizerisches Tageblatt*, Rorschach (13 junio); *Le Radical de Marseille* (15 junio); *Kruh*, Beroun (ĉiusemajna rubriko); *Szombathelyi Ujsag; Adresseavisen* kaj *Dagposten*, Trondhjem (pri la kongreso); *Volja* (28 aprilo); *Narodni Prava* (2 majo); *Zarja* (20 majo); *Mir* (aprilo); *Dnevnik* (aprilo).

∴ Esperantajn rubrikojn publikigas: *L'avenir de la Vienne*, Poitiers; *Il risveglio Tridentino*, Trento; *Intercambio Cubano*, Cienfuegos.

---

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Plifaciligi per Esperanto la ĉiuspecajn moralajn kaj materialajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri nacieco, raso aŭ lingvo. Disvastigi la uzadon de la lingvo Esperanto. Krei internaciajn praktikajn servojn por turistoj, komercistoj, studentoj kaj junuloj, virinoj ktp.*

**Profitoj de la membroj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn, parolajn aŭ skribajn, de la Delegitoj kaj uzi ĉiujn servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron (pli ol 300 paĝoj), havi diversajn rabatojn.*

**Nuna stato:** *1400 Delegitoj. 7000 membroj. 400 Entreprenoj. 13,760 servoj dum 1913.*

**Aliĝo:** *Ordinara membro: 2,50 Fr. — Subtenanta membro: 5 Fr. — Interŝanĝa aŭ Studenta Fako: 1,25 Fr. — Esperantia Entrepreno: 12,50 Fr. (Esperantistaj organizaĵoj nur 7,50 Fr. kun la gazeto).*

*La kotizaĵoj estu pagataj al la Delegitoj aŭ, se ne estas, al la C. O. de UEA.*

### Garantia kapitalo.

**Listo de garantiantoj**

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 22.875 |
| 116. J. W. Snider, M. D., Walhonding | 125 |
| 117. Fritz Hirzel, Bahia | 125 |
| Frankoj | 23.125 |

**Entute (ĝis la 25 junio) 117 Garantiantoj mendintaj 185 atestojn, valoro 23.125 frankoj (9250 Sm.).**

**Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.]**

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al *Esperanto*.

**Kvina Kongreso de UEA.** — La provizora programo de la laboraj kunvenoj estas fiksita jene:

*Lundo 3 aŭgusto, je 3 h.:* Solena malfermo.

*Mardo 4 aŭgusto, je 10 h.:* Unua labora kunveno. Raporto pri la agado de UEA dum 1913/1914 (H. Hodler). Financa Raporto (Ed. Stettler). Interŝanĝa Fako (M. Lévy).

*Vendredo 7 aŭgusto, je 10 h.:* Dua labora kunveno. Revizio de la Statuto (Ed. Stettler). Utiligo de Esperantaj diplomoj (Th. Rousseau).

*Sabato 8 aŭgusto, je 10 h.:* Tria labora kunveno. Tutmonda Gvidfolio (E. Gabert). Internacia Poŝtĉeko (A. Behrendt). Diversaĵoj.

Dum la Kongreso okazos, krom tio, unu speciala kunveno por Delegitoj kaj alia por reprezentantoj de naciaj societoj. Dato kaj horo estos konigataj dum la Kongreso.

**Rabatoj al membroj de UEA.** — La C. O. de UEA komencis serion de klopodoj por havigi al siaj membroj, unuope aŭ are vojaĝantaj, rabatojn ĉe fervojoj, grotoj, naturvidindaĵoj, kazinoj, ktp. Pro la Kongreso tiuj klopodoj estis unue komencitaj en Francujo. Jen la unua listo de la entreprenoj, kiuj konsentis rabaton:

*Individua rabato:*

*Groto de Beaume-les-Messieurs*, 10 km de Lons-le-Saunier (Jura, Franc.): 50 %.

*Interkrutaĵo de la Diosaz*, 1 km de Servoz, ĉirkaŭaĵo de Chamonix (Hte. Savoie, Franc.): 20 %. (Por minimume 25 membroj: 50 %).

*Groto de Osselle*, La Froidière (Doubs, Franc.): 33 %.

*Groto du Roy*, Lourdes (Htes. Pyrenées, Franc.): 10 %.

Por ricevi la nomitan rabaton ĉiu membro nur bezonos prezenti la membrokarton de UEA por la kuranta jaro.

*Kolektivaj rabatoj:*

*Francujo:*

*Fervoja Ko. P. L. M.*, por minimume 12 membroj: 50 % laŭ la ir-reira bileto.

*Fervoja Ko. Est*, por minimume 10 membroj: 50 % laŭ la simpla bileto.

*Fervoja Ko. Midi*, por minimume 25 membroj: 45 % en Ia kaj IIa kl., 35 % en IIIa kl., laŭ la ir-reira bileto.

*Fervoja Ko. Nord*, por minimume 10 membroj: 50 % laŭ la simpla bileto.

*Fervojo Ouest-Etat*, por minimume 10 membroj: 50 % laŭ la simpla bileto.

Ĉiuj Delegitoj aŭ membroj, kiuj dezirus aranĝi karavanojn kaj ricevi la nomitan rabaton, bonvolu sin turni al la C. O. de UEA.

## Novaj Delegitoj.

*Albi* (Francujo, Tarn). — D.: Antonin Gay, rentulo, ĉe D-ro Cuq, kuracisto.

*Czernowitz* (Aŭstrio, Bukovino). — VD.: Hriĉjo Dubyk, studento, Russischegasse 95b.

*Dubrovnik-Ragusa* (Aŭstrio, Dalmatio). — VD.: František Cagaš, urba ĝardenisto, Gornji Kono 340.

*Fiume* (Hungario). — D.: Theodor Kovacs, fervoja administranto, Via Valscurigne nova kolonio No. 62.

*Győr* (Hungario). — D.: D-ro Jozsef Takács, kuracisto, III. Külsö Baross ut. 20, I.

*Haskovo* (Bulgarujo). — VD.: M. Maĉev.

*Modica* (Italujo, Sicil.). — VD.: Giuseppe Pirrone, lerneja inspektoro.

*Montevideo* (Urugvajo). — D.: Manuele Fernandez, komercisto, Calle Colon 1517; VD: Juan Bouzas, tipografisto, str. Tacuari 1667.

*Otice u Opavy* (Aŭstrio, Silezio). — D.: R. F. Hain, instruisto.

*Perth* (Aŭstralio). — D.: John George Baker, skribisto, 41, Chatsworth Rd.

*Piacenza* (Italujo). — D.: Umberti Rossi, instruisto, Via Solferino 7.

*Pickford* (Usono, Michigan). — D.: Paul M. Schuyler.

*Pireo* (Grekujo). — D.: D-ro Otto Renzos, gimnaziestro, direktoro de la privata lernejo „Athenaico".

*Rockville* (Usono, Conn.). — D.: Hans B. Julow, leterportisto, 13, Walnut Str.

*St. Nicolas* (Belgujo, Wacs.). — D.: Augusto de Bosschere, komizo, Rue du Walbourg, 49.

*Taranto* (Italujo, Lecce). — D.: Pietro Pupino Carbonelli, strato Pitagora 17.

*Teruel* (Hispanujo). — D.: Julio Belenguer, oficisto, San Esteban 5.

*Vasarhelykutács* (Hungario, Csongradmegye). — D.: Ede Schvarer, ŝtata fervoja staciestro.

*Vitry-sur-Seine* (Francujo, Seine). — D.: Maurice Michon, 347, rue Lecourbe, Paris.

*Zagreb* (Hungario, Kroatio). — D.: F. Vinkc Pleša, studento, trg. Pejaĉevic 9.

## Distriktaj Delegitoj.

En la jenaj ŝtatoj de Usono estas elektitaj Distriktaj Delegitoj:

*Arizona.* — Chas McKinney, Box 285, Flagstaff.

*Colorado.* — D-ro J. R. Schofield, 808, W. Mt. Ave., Fort Collins.

*Delaware.* — Donald Stephens, Arden.

*Florida.* — F-ino E. Esther Owen, St. Peterburg.

*Idaho.* — Bert P. Mill, 360, E. Str., Idaho Falls.

*Iowa.* — P-ro James Ellis Gow, 1338A, Ave. East, Cedar Rapids.

*Kansas.* — John H. Fazel, pastro, 724, Taylor Str., Topeka.

*Kentucky.* — D-ro Robert Wallace, 1218, So 28th Str., Louisville.

*Maryland.* — James L. Smiley, pastro, 130, Prince George Str., Annapolis.

*Massachusetts.* — D-ro C. H. Fessenden, 34, Pelham Str., Newton Centre.

*Minnesota.* — Chas H. Briggs, Room 12, Old Colony Building, Minneapolis.

*Mississippi.* — A. S. Mellichamp, Agricola.

*Nebraska.* — Chas P. Lang, pastro, Tilden.

*Nevada.* — Frank B. Headley, Fallon.

*New Hampshire.* — W. H. Huse, Mammoth Rd. 97, Manchester.

*Ohio.* — Edward P. Foreman, 118, Belmont Str., Warren.

*Pennsylvania.* — Henry Hetzel, West Phila., High School for Boys, Philadelphia.

*Rhode Island.* — E. L. Southwick, 9, State Str., Pawtucket.

*South Carolina.* — V. C. Dibble, 76, Wentworth Str., Charleston.

*Vermont.* — John L. Stanyan, 12, State Str., Montpelier.

*West Virginia.* — Herbert M. Scott, 1312, Purdy Ave., Moundsville.

## Ŝanĝoj.

*Berkeley* (Usono, Kalifornio). — D.: Alwyn J. Baker, 1151, Oxford Str.

*Calais* (Francujo, Pas-de-Calais). — D.: G. Perrin, presisto, 8, rue de Rome.

*Detroit* (Usono, Michigan). — VD.: Gustav Muehlke, tajlorestro, 31, Farmer Str. (upstairs).

*Graz* (Aŭstrio, Stirio). — D.: Peter K. Geier, ĵurnalisto, Zinzendorfgasse 19.

*Kronstadt* (Rusujo, Peterburg gub.). — D.: Drezin, studento, Nikolajevskij prosp. 53, kv. 2.

*Lisboa* (Portugalujo). — D.: B. Martins d'Almeida, industriisto, rua do Arco Cego 36 r/c.

*Luhaĉovice* (Aŭstrio, Moravio). — VD.: D-ro Henriko Šipek, kuracisto, villa „Praha".

*Rotterdam* (Nederlando). — VD.: Franz Pakker, Reederystraat 10.

*Roustchouk* (Bulgarujo). — D.: Hr. T. Stambolieff, agronomo.

*Salt Lake City* (Usono, Utah). — D.: Jennie Froiseth, 855, Sherman Ave.

*St-Mihiel* (Francujo, Meuse). — D.: Marcel Levy, 22, rue des Ecoles.

*Villach* (Aŭstrio, Karintio). — D.: Oskar Elbel, fervojoficisto, k. k. Staatsbahndirektion; VD.: Fritz Homer, fervojoficisto, k. k. Staatsbahndirektion.

*Vilna* (Rusujo). — D.: Voldemaro Grigoroviĉ, Kontrolo Poleskij.

*Wiipuri* (Finlando). — D.: Rudolf Bergroth, Maununkatu 11, E 44.

*Wernigerode* (Germanujo, Harz), — D.: H. Weise, termezuristo, Kirchstr. 20.

## Eksiĝoj.

*Baez* (D.: Crespo); *Big Rapids* (D.: Schuyler); *Kutna Hora* (D.: Horaĉek); *Landeck* (D.: Malzacher); *Prien* (D.: Hubner); *Sandy* (D.: Edmonds); *Villeneuve-l'Archevèque* (D.: Rousselot); *Warrington* (VD: Parsonage).

## Rimarkoj.

*Czernowitz* (Aŭstro, Bukovino). — Dum kelktempa foresto de la Delegitino oni sin turnu al la Vicdelegito.

*Kasan* (Rusujo). — Pro foresto de la Delegito oni petu ĉiujn informojn de S-ro S. Kovalevskij, Universitato.

*Rockford* (Usono, Ill.). — Pro foresto de la Delegito oni sin turnu al S-ro Aug. E. Johnson, 210, Seventh Str.

## Korekto.

*Stettin* (Germanujo). — La Delegito S-ro M. Westphal loĝas Deutsche Strasse Nr. 40/I, anstataŭ Nr. 56 (vidu nian N-on de 5 junio).

# ESPERANTIAJ KONGRESAJ KARAVANOJ

**Kolektivaj rabatoj ĉe la francaj fervojoj.** — Ni ĉi sube publikigas la sekvon de la informoj pri rabatoj riceveblaj de la membroj de UEA kune vojaĝantaj ĉe la diversaj francaj fervojaj kompanioj.

*Kolektivaj biletoj ĉe kompanio Nord.* — Membroj de UEA kune vojaĝantaj (minimumo: 10 personoj) havos rabaton de 50 % kalkulatan laŭ la prezo de la simpla bileto. Ĉiuj Delegitoj, kiuj intencas aranĝi karavanon, bonvolu informi pri tio la C. O. antaŭ la 15 julio.

*Kolektivaj biletoj ĉe fervojo Ouest-Etat.* — Membroj de UEA kune vojaĝantaj (minimumo: 10 personoj) havos rabaton de 50 % kalkulatan laŭ la prezo de la simpla bileto. Ĉiuj Delegitoj, kiuj intencas aranĝi karavanon, bonvolu informi pri tio la C. O. antaŭ la 15 julio.

Ĉiuj membroj, por ĝui la nomitajn rabatojn, devas posedi la membrokarton por 1914 kaj la oficialan insignon.

Informoj pri la aliaj fervojaj kompanioj aperis en la lasta N-ro (paĝ. 176).

# Statistiko de la Esperantiaj servoj

Ni ĉi sube publikigas la rezultatojn de la statistiko de la servoj plenumitaj de la Delegitoj dum la jaro 1913, efektivigita de la C. O. de UEA, laŭ la respondiloj ricevitaj de la Delegitoj mem.

La unua tabelo montras la dispartigon de la servoj laŭ fakoj kaj laŭ jaroj. Oni konstatos, ke la suma nombro pligrandiĝis de 11,296 ĝis *13,760*. La kresko estas do 2464, dum de 1911 ĝis 1912 ĝi estis nur 821. Tiu rezultato estas tiom pli rimarkinda, ke kiel oni scias dum 1913 ĉirkaŭ triono de la membroj ne re-aliĝis pro la duobligo de la kotizaĵo. Tio do tute ne influis malfavore la uzatecon de UEA. La supre konstatita kresko atingas ĉiujn fakojn, speciale komercon kaj turismon.

La movado de la korespondaĵoj kreskis ĉe la Delegitoj, sed iom malgrandiĝis ĉe la C. O., kio estas facile klarigebla pro la malplimultiĝo de la membroj. La sumo malmulte diferencas de la antaŭa jaro.

La propagandemon de niaj Delegitoj atestas la progreso ĉe la nombro de gazetartikoloj kaj paroladoj.

La nombro de la Esperantaj kursoj kreskis, sed tiu de la lernantoj restis proksimume la sama; tiun fenomenon klarigas la fakto, ke en la cifero de la lernantoj dum 1912 estis entenata 2318 lernantoj en insulo Samos pro la deviga instruado nun forigita. Se oni formetas tiun ciferon, oni konstatos, ke fakte la nombro de la Esperanto-lernantoj kreskis same kiel la nombro de la kursoj.

La dua tabelo montras la dispartigon de la servoj laŭ la landoj.[1] Plej multajn informpetojn oni sendis al Germanujo (1882), Francujo (1445), Rusujo (1180), Britujo (1075) kaj Aŭstrio-Hungario (1045). Servoj al trapasantaj vojaĝantoj estas plej multaj en Germanujo (552), Francujo (373), Svisujo (249), Aŭstrio-Hungario (225), Rusujo (218) kaj Britujo (213). Pri la nombro de la gazetartikoloj kaj paroladoj venas je unua vico Germanujo (239 kaj 144), poste Britujo (134 kaj 136), Francujo (61 kaj 186), Aŭstrio-Hungario (68 kaj 159).

Rilate al la Esperanto-kursoj kaj lernantoj, la unua vico apartenas al Francujo (186 kursoj kun 2554 lernantoj), poste Aŭstrio-Hungario (159 kaj 2302), Germanujo (176 kaj 2082), Britujo (136 kaj 1369), Rusujo (93 kaj 985), Italujo (53 kaj 979). Komparante kun la jaro 1912, oni konstatos kreskon de la Esperanto-lernantoj en Italujo (kresko 654), Ameriko (545), Aŭstrio-Hungario (419), Britujo (327), Svisujo (235). La nombro restis preskaŭ sama en Francujo, Portugalujo, Svedujo. Ĝi iom malkreskis en Rusujo, en Germanujo kaj en Hispanujo. Ni ree atentigas, ke ĉiuj tiuj ciferoj rilatas al *jaro 1913* — ne al la nuna.

Entute ili montras preskaŭ ĉie kontentigan progreson de nia afero kaj konstante kreskantan uzatecon de la servoj de UEA.

## Statistiko de la Esperantiaj servoj

A. Laŭ fakoj kaj jaroj

| | 1909 | 1910 | 1911 | 1912 | 1913 |
|---|---|---|---|---|---|
| Komerco | 1,120 | 1,513 | 2,698 | 2,835 | 3,710 |
| Junuloj kaj Studentoj | 218 | 402 | 528 | 495 | 524 |
| Turismo[2] | 650 | 681 | 1,252 | 1,362 | 1,776 |
| Servoj al vojaĝantoj | 628 | 1,110 | 1,704 | 1,930 | 2,463 |
| Diversaj servoj | 940 | 3,756 | 4,293 | 4,674 | 5,287 |
| Sumo | 3,556 | 7,462 | 10,475 | 11,296 | 13,760 |
| Movado de la korespondajoj de la Delegitoj | 5,754 | 14,651 | 19,075 | 25,550 | 27,058 |
| Movado de la korespondajoj ĉe la C. O. de UEA | [3] | 23,940 | 34,355 | 41,087 | 39,688 |
| Sumo | 5,754 | 38,591 | 53,430 | 66,637 | 66,746 |
| Gazetartikoloj pri UEA | 326 | 606 | 863 | 865 | 1,118 |
| Paroladoj pri UEA | 218 | 464 | 547 | 512 | 701 |
| Esperanto-Kursoj | [1] | 739 | 1,036 | 852 | 1,102 |
| Partoprenantoj ĉe la Esp.-Kursoj | [1] | 11,941 | 17,530 | 16,082[2] | 15,696 |

[1] Por komparo kun la rezultatoj de 1912, vidu *Esperanto* de 20 julio 1913 aŭ *Dokumentaro de la 4a Kongreso*, paĝ. 22.
[2] Skribaj informpetoj pri turismo. [3] Statistiko ne farita.

B. Laŭ landoj (1913)

| | Skribaj informpetoj | Servoj al vojaĝantoj | Movado de la korespondaĵoj | Gazetartikoloj | Paroladoj pri UEA | Esp.-kursoj | Lernantoj ĉe la kursoj |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio-Hungario | 1,045 | 225 | 2,875 | 130 | 68 | 159 | 2,302 |
| Belgujo | 196 | 97 | 572 | 20 | 9 | 24 | 760 |
| Britujo | 1,075 | 213 | 4,449 | 90 | 134 | 136 | 1,369 |
| Bulgarujo | 30 | — | 30 | — | — | — | — |
| Danujo | 111 | 39 | 265 | 5 | 2 | 12 | 101 |
| Finnlando | 237 | 17 | 194 | 11 | 8 | 8 | 100 |
| Francujo | 1,445 | 373 | 3,912 | 131 | 61 | 186 | 2,554 |
| Germanujo | 1,882 | 552 | 4,550 | 239 | 144 | 176 | 2,082 |
| Grekujo | 25 | — | 141 | — | — | — | — |
| Hispanujo | 438 | 51 | 537 | 27 | 7 | 36 | 482 |
| Italujo | 317 | 185 | 1,050 | 25 | 44 | 53 | 979 |
| Nederlando | 162 | 34 | 400 | 12 | 20 | 29 | 391 |
| Norvegujo | 295 | 6 | 63 | 1 | — | 3 | 30 |
| Portugalujo | 123 | 10 | 312 | 5 | 1 | 11 | 230 |
| Rumanujo | 157 | — | 198 | 13 | — | 2 | 24 |
| Rusujo | 1,180 | 218 | 2,137 | 116 | 59 | 93 | 985 |
| Serbujo | 31 | — | 8 | — | 1 | — | — |
| Svedujo | 81 | 31 | 182 | 10 | 3 | 5 | 77 |
| Svisujo | 569 | 249 | 1,971 | 72 | 14 | 25 | 458 |
| **Eŭropo** | 9,599 | 2,320 | 23,846 | 907 | 575 | 958 | 12,924 |
| **Ameriko** | 791 | 73 | 1,258 | 129 | 105 | 96 | 1,318 |
| **Afriko** | 611 | 33 | 1,166 | 16 | 6 | 8 | 68 |
| **Azio** | 223 | 30 | 625 | 64 | 13 | 33 | 1,214 |
| **Oceanio** | 73 | 7 | 153 | 2 | 2 | 7 | 72 |
| Tutmondo | 11,297 | 2,463 | 27,058 | 1118 | 701 | 1102 | 15,696 |
| | 13,760 | | | | | | |

[1] Statistiko ne farita. [2] Enkalkulane 2318 lernantojn en Samos-insulo pro la deviga instruado, nun forigita.

# Esperantia Parolejo

## Du deziroj de Delegito

1a La grandurba Del. jam sufiĉe ofte estas petata doni informojn aŭ helpojn en pure komercaj aferoj. Li donas adresojn de fabrikoj de premaero-iloj al Polujo, de dratbariloj al Rusujo, informas, kiu konstruas maŝinojn por knedi makaronion kaj kiuj firmoj instalas reklamo-lumigadon, li interrilatigas skribmaŝinfabrikon kun Kaŭkaza revendisto, kaj transsendas katalogojn pri legomo-semoj al siberia terkulturisto, ktp. Sed kiom malofte oni rekompencas lian servemon per mallonga sciigo, ke kaj kiel la negoco estis kontentige finita aŭ pro tiu aŭ alia kaŭzo ne povis esti realigata. Eĉ tiu lasta estas grava por li, ĝi helpas al li eviti malsukceson en la estonto. *Kiom pli facile li povus gajni la firmon, al kiu la eksterlanda kliento rilatis, se li scius, ke ĝi profitis per lia laboro, kiom bone uzeblaj estus tiuj raportoj koncizaj sed precizaj por varbi aŭ interesi novajn firmojn.* Sed ĝenerale kiom ajn la Del. devis klopodi por kontentige plenumi peton de fremda samideano, tiu silentas, ke preskaŭ la Del. devas suspekti, ke la tuta peto estis pli eksperimento aŭ ludaĵo ol serioza negoco. Oni kontraŭdiros, ke la kara afranko eksterlanda ofte ĝenas tiun finraporton; tiam mi proponus por rebati tiun pretekston, ke UEA klarigu sin preta repagi ĉiujare la duonon de l' afranko de tiaj raportleteroj, post kiam la loka Del. kontrolis ilian registron. La kono de l' fino de tia negoco perata de li, estas tiel valora por la Del., ke li ne povas rezigni je ĝi. Do se Vi uzis la servojn de Delegito, ne forgesu raporti al li, kiel finiĝis la afero.

2a La plej malagrablaj punktoj en la laboro de Del. estas tiuj servoj, kiujn spite tuta fervoro kaj longa klopodo li ne povas plenumi. Kaj ĉi tie mi volas citi apartan specon de servoj, kiuj preskaŭ senescepte devas fini kun malsukceso. Estas la petoj havigi oficon por eksterlandulo aŭ almenaŭ perigi ĝin, doni konsilojn por

esti dungata. Jam kvarfoje dum kvaronjaro mi ricevis ilin el 3 fremdaj landoj. Sed vane mi skribis, telefonis, kuris tra la urbo, preskaŭ tedis aŭ ribeligis la lokajn esperantistojn per ofta ripetado de la peto, uzi siajn rilatojn por havigi al la fremda samideano la petatan oficon. La lokaj unuiĝoj de komercistoj, kiuj posedas dung-oficejon, preskaŭ rifuzas akcepti en siajn listojn pluajn eksterlandanojn, ĉar jam droniga amaso sin altrudas kaj estas preta labori je tro modestaj postuloj dum oni preferas uzi enlandanojn, kiuj studas fervore ĉiujn fremdajn lingvojn kaj posedas pli da rutino. Ĝenerale la fremda samideano volas lerni la enlandan lingvon aŭ perfektiĝi en ĝi, sed mi mem vidis, ke eĉ konante la lingvon kaj mem serĉante persone en la urbo fremda samideano dum semajno ne sukcesis trovi oficon. Do oni ne miru, se la rekomendo de l' Del. aŭ la eventuale senditaj atestoj restas tute sen efiko. Sed tiam post unu aŭ du monatoj la Del. ricevas riproĉan leteron de l' ofendita samideana moŝto, kiu supozas, ke oni rapidos proponi al li brilan oficon, kaj la Del. estas kontenta, se la samideano ne minacas plendi ĉe la C. O. de UEA. Klopodo vana sur unu kaj ĉagreno sur ambaŭ flankoj, tiuj estas la karakterizoj de tiu speco de petoj al la Del. Pro tio la Del. plej bone tuj kaj firme rifuzu tiajn petojn kaj deklaru, ke la eble plej efika vojo restas kiel ĝis nun, uzi kaj respondi la gazetanoncojn, kiuj ja ankaŭ estas troveblaj en eksterlando. Kompreneble li ĉiam estas preta doni la nomojn de tiaj uzindaj gazetoj kaj perigi sen respondeco informon pri la koncernaj firmoj. Sed oni ne altrudu al li taskon, kies malfacilecon konas nur, kiu mem provis ĝin plenumi. *Grandurba Delegito.*

*(Rimarko:* Pri la unua deziro oni nur povas esprimi la saman peton, kiel nia korespondanto. Pri la dua, ni rememorigas, ke rilate al dungopetoj le Del. tute ne havas la devon trakuri la tutan urbon por havigi oficon al la petinto. Pro lokaj cirkonstancoj tio estas ofte tre malfacila kaj plie alŝarĝas la Del. je certa morala respondeco. Se Del. ricevas tian peton, li nur povas sendi al la petinto liston de gazetoj aŭ dungoficejoj, kiuj sin okupas je tia servo, kaj laŭeble aldoni kelkajn konsilojn. Al pluaj klopodoj li ne estas devigata. Del. estas antaŭ ĉio *informisto,* ne komisiisto. *Dir.)*

## Oni laŭdas!

.·. S-ro *G. Bogojavlenskij,* Esp-iano en Vilna, esprimas profundan dankon al S-roj L. Beaumel, Konsulo en Toulouse, kaj J. Brunet, Del. en Bordeaux, pro afablaj servoj.

.·. S-roj *A. Jones* kaj *A. H. Jones,* Del. en Swansea (Britujo), tre kore dankas la anojn de le Holanda Fervojista Grupo pro faciligo dum la ekskurso al Leipzig kaj Praha, kaj ankaŭ la Del. en Bodenbach, Leipzig, Praha, Smichov, Eger (Bohemujo) kaj Nürnberg pro afabla sindona helpo kaj bonega konduko tra la urbo.

.·. S-ro D-ro *A. Mondini,* Del. en Stenico, tre dankas S-ron A. Reni, Del. en Verona, pro bone plenumita servo.

.·. S-ro *E. Drezin,* Del. en Kronstadt, varme dankas S-ron E. Wengler, Del. en Berlin, kaj S-inon A. Tuschinski, Del. en Danzig, pro bone faritaj servoj.

.·. S-ro *P. J. Moskalev,* Esp-iano en Petropavlovsk, esprimas sinceran dankon al S-roj Dooley, Del. en Henryetta (Usono), kaj Villafranca, Del. en Buenos-Aires, pro kontentige donitaj informoj.

.·. S-ro *A. Raž,* Del. en Beroun, esprimas koregajn dankojn al ĉiuj, kiuj sendis protestojn al la profesoro de la gimnazio en Beroun pro lia kontraŭ-esperanta agado. Precipe li dankas al S-roj D-ro Ledermann, Del. en Augsburg, D-ro P. Haller, Del. en Leisnig, D-ro A. Vegh, Del. en Arad, P-ro A. Mazzolini, Del. en Perugia, k. a.

.·. S-ro D-ro *M. Blassberg,* Esp-iano en Krakow, esprimas koran dankon al S-ro J. Camescasse, Ĉefdel. en Paris, pro kontentige kaj rapide plenumitaj servoj.

.·. S-ro *H. Haenen,* Del. en Boxtel, en la nomo de la nederlandaj kaj anglaj fervojistoj, Esp-ianoj, kiuj vizitis Leipzig, Praha, Nürnberg, Bodenbach kaj Eger, korege dankas al la Del. en la nomitaj urboj pro la multaj kaj afablaj servoj, kiujn ili bonvolis fari. Apartan dankon al S-roj Kötz, V. Kraus kaj P-ro A. Pitlik, pro iliaj zorgoj pri loĝado, gvidado, ktp. Dank' al la sindona helpo de la Del. la vojaĝo restos por ili neforgesebla.

## Oni petas!

.·. F-ino *Moreau,* Konsulino por virinoj en Bruxelles, 27, rue du Congrès, celante la enkondukon de Esp. en la virina movado Brusela kaj konatigi la gravecon de UEA, demandas, en kiuj landoj aŭ urboj ekzistas jam lernejoj por junulinoj, kie oni preparas ilin al universitataj studoj, unuvorte, peraj lernejoj inter la mezaj kaj superaj studoj. Tiaj institucioj ekzistas en Belgujo por knaboj, kiuj sin nomas Athénée. Bonvolu sendi informojn kiel eble plej baldaŭ.

.·. S-ro *Bouvier,* Del. en Poix, farmaciisto, kore proponas sian servon al la anglaj samideanoj, trapasontaj Poix kaj irontaj al la Deka Kongreso. Poix estas urbo lokita mezdistance inter Calais kaj Paris.

.·. S-ro *J. Bredall,* Esp-iano en Croydon, 3 Birdhurst Rd., anoncas, ke li ricevis amason da il. pk. el Hungarujo, Bohemujo, Polujo, ktp., sed ĉar la sendintoj forgesis noti siajn adresojn, li ne povas respondi.

.·. S-ro *R. Leor,* Del. en Bagdad, petas ĉiujn, kiuj sin turnis al li kun iaj petoj, atendi ĝis li revenos el sia vojaĝo.

.·. S-ro *F. Soubranne,* Del. en en Tulle, 84, rue de la Barrière, petas ĉiujn samideanojn helpi lin en la varbado de la iniciata sindikato de lia regiono. Petu en la nomo de via grupo, kontraŭ du respondkuponoj (por poŝtelspezoj), de S-ro Leygonie, trésorier du Syndicat d'initiative de Tulle, Francujo, la jus eldonitan broŝuron de 80 paĝoj, enhavantan multajn fotografaĵojn kaj artoplenajn plumdesegnaĵojn de tiu pentrinda regiono, kiun antaŭ nelonge vizitis kaj admiris S-ro Prezidanto de la Franca Respubliko.

## Oni proponas!

.·. D-ro *A. Stamatiadis,* Esp-iano en Konstantinoplo, proponas, ke UEA eldonu oficialajn insignojn, iom pli malgrandajn ol la ordinaraj por kravatpingloj, ĉar multaj Esp-ianoj ne ŝatas surhavi trovideblan insignon.

# Alvokoj

## Ŝtataj inĝenieroj

Mi opinias, ke estus tre utile, se la ŝtataj inĝenieroj ĉeestontaj la Dekan Kongreson estus prezentotaj al la Ministrejo de Publikaj Laboroj en Francujo dum la Kongreso por atesti antaŭ kompetentaj personoj, direktoroj de vojoj, riveroj, fervojoj, aerveturado, ktp., la utilecon, facilecon kaj disvastiĝon de Esperanto, kaj precipe por peti la akceptadon de Esperanto kiel kongresa helpa lingvo ĉe la kongresoj de vojoj, riveroj, fervojoj. Ĉiuj ŝtataj inĝenieroj pretaj helpi al tiu manifestado, bonvolu sin turni al la subskribinto.

*Léon Moissenet*

Ĉefinĝeniero de la Franca ŝtato por pontoj, vojoj, riveroj, fervojoj kaj tramvojoj. — 29bis, Faubourg du Moustier, *Montauban.*

## Psikistoj

La Psikistoj ĉeestontaj la Dekan Kongreson de Esperanto kaj dezirantaj fake kunveni, estas petataj, laŭ invito de S-ro R-ro Boirac, sendi plej baldaŭ siajn nomojn kaj adresojn al S-ro Camille Chaigneau (Kamij' Ŝenjo'), 6, rue de Douai, Paris.

Eĉ ne venonte, la Psikistoj povas sendi Esperantajn komunikaĵojn.

## Farmaciistoj

Dum la Xa Kongreso en Parizo la francaj Esperantaj farmaciistoj okazigos ankaŭ fakan kunvenon de farmaciistoj. Ĉe tiu ĉi kunsido estus okazo, revivigi la ekdormiĝintan „Internacian Esperanto-Farmaciistan Asocion". Mi petas do ĉiujn kolegojn en la tuta mondo, kiuj estas emaj aliĝi al tiu ĉi, por nia movado tre interesa asocio, sendi al la ĉi suba adreso siajn aliĝdeklarojn.

D-ro *Hans Proelss,*

reĝa bavara stabfarmaciisto, Karlstrasse 9, *München*

Oni petas la naciajn Esp. gazetojn, represi tiun ĉi alvokon!

## Propagandaj-Lumbildoj por Kinematografaj teatroj

La Esperanta Propaganda Oficejo de S-ro Martino Prestele en *Gross-Gerau* (Germanujo, Hessenlando) fabrikis tre taŭgajn lumbildojn Esperantajn por Kinematografaj teatroj. La lumbildoj estas vere efikoplenaj kaj certe varbos por nia afero. Certe, tiaj lumbildoj estas tre rekomendindaj por ĉiuj grupoj, kiuj intencas fari propagandon por Esperanto. La posedantoj de la Kinoteatroj certe konsentos montri la lumbildojn senpage, se la grupestroj intertraktas kun ili kaj promesas, ke la entrepenoj estos subtenataj per multnombraj kaj oftaj vizitoj de la Esperantistoj je malaltigitaj prezoj. Por fabrikigi tiajn lumbildojn en la aliajn naciajn lingvojn, estas dezirate, ke fervoraj reprezentantoj kaj garantiantoj sin turnu al la supre nomita adreso.

## Kongreseto de Pacifistoj Esperantistaj

Ni estas petataj aldoni jenajn sciigojn al tiuj, kiuj aperis en la ĵus antaŭa numero:

1e S-ro Profesoro *Charles Richet*, Nobel-premiulo, membro en la „Institut de France" (Akademioj), akceptis Honoran Prezidantecon.

2e La kotizaĵo restos du frankoj ĝis 25a de julio, poste ĝi estos kvar frankoj. Per ĝi sola oni rajtos ĉeesti ĉiujn kunsidojn kaj ricevi la postraporton: la aneco en la Ĝenerala Kongreso de Esperanto ne estos postulata.

3e En la programo de laboroj oni aldonis 9an temon: „Proponoj koncerne la trian Haagan konferencon".

Komisiite: *F. Brossier.*

# Reciproka Informado

Ĉiu membro de UEA, kiu deziras ion scii pri *iu ajn temo* (komerco, turismo, libroj, institucioj, ktp.) skribu al ni sian demandon. Ni ĝin enpresos ĉi tie kun vica numero. Tre verŝajne inter niaj membroj, kiuj apartenas al plej diversaj medioj, landoj, profesioj, iu povos respondi. Tiun respondon li bonvolu resendi al ni, kaj ni ĉi tie ĝin enpresos. Ni rezervas al ni la rajton mallongigi kaj aranĝi la tekston de la demandoj kaj respondoj kaj, eĉ tute forigi tiujn, kiuj estus kontraŭ la bonmoroj, la ĝeneralaj principoj de nia gazeto aŭ ne havus sufiĉe ĝeneralan intereson. La demandoj kaj respondoj estu kiel eble plej mallongaj kaj precizaj. Oni skribu ilin tre legeble sur apartaj paperfolioj aŭ poŝtkartoj, aldonante la numeron de la membrokarto de UEA.

### Demandoj

48. Kiu povas doni al mi adreson de firmo fabrikanta malkaran skribmaŝinon (ĉ. 20—30 Sm.) taŭgan por privata uzado? — M. 756.

49. Ĉu ekzistas skribmaŝinoj por blinduloj, laborantaj punktreliefe; se ekzistas, ĉu oni povas venigi prezaron? — De kie mi povas venigi katalogon de punktreliefaj Esp. lerno- kaj legolibroj! — M. 1495.

### Respondoj

La unua cifero montras la numeron de la demando, la dua (inter krampoj) la paĝon de *Esperanto*, sur kiu ĝi aperis.

24 (113). Jen ankoraŭ alia verko pri Atlantis: Historieto pri Atlantis, geografia, historia kaj etnologia skizo, kun kvar landkartoj, de N. Scott-Elliott. Theosophical Publishing Society, 161, New-Bond St., London W., 1909, pp. XIII. 87, bindita kun: La Perdita Lemuria, de sama aŭtoro kaj kun du landkartoj, pp. 44. Ambaŭ verkoj angle verkitaj. — M. 125. — Ekzistas franca traduko: L'Histoire de l'Atlantide, ĉe Publications théosophiques, 10, rue St-Lazare, Paris. 1901. — M. 24.

39 (145). Sin turni al firmo Bing fratoj, en Nürnberg. — M. 928.

# Esperantia Ŝildo

Ni havas la plezuron anonci, ke aperis speciala ŝildo por Delegitoj, eldonita de UEA.



**Regiona DELEGITO Universala Esperanto-Asocio**

Tiu ŝildo (kliŝaĵon oni vidu ĉi supre) mezuras 29×19 cm. Ĝi estas el bona lado, kun blanka fono kaj verdaj literoj. Ĝi estas speciale taŭga por alfiksi kontraŭ dompordoj, en magazenoj, oficejoj, kontoroj, k. a.

La ŝildo estas luata al ĉiu Delegito po **2 Frankoj** (kun alsendo rekomendite). La luado daŭras la tutan tempon dum kiu Delegito okupas sian postenon. Kiam li ĉesas esti Delegito, li devas resendi la ŝildon al la C. O. de UEA.

Mendo de ŝildo signifas akcepton de tiuj kondiĉoj.

Oni sendu ĉiujn mendojn kun mono al: *Universala Esperantia Librejo*, 10, rue de la Bourse, Genève (Svis).

# REKLAMO

KEMPTEN I. A. (Germanujo, Bavarujo). — S-ro K. Riess, Fuchsbühlstr. 210, PM. (kun ĉiuj landoj).

KIEV (Rusujo). — S-ro Jilaŝeviĉ, kapitano, Moskovskaja 26, L. (pri Esp. inter militistoj).

LYON (Francujo, Rhône). — S-ro Marcel Inard, 28, Cours Bayard, Pl., PK., PM., L., bfl. (kun ĉiuj landoj, ĉiam respondas).

LYSS (Svisujo). — S-ro Emil Steiner, Pl., PM. (kun ĉiuj landoj).

MOSKVO (Rusujo). — S-ro Nikolao Polutov, Bolŝaja Sadovaja d. 8, kv. 3 (kun eksterlandanoj).

NOWY-SACZ (Aŭstrio, Galicio). — F-ino Helena Misiewicz, ul. Lokietka, Villa „Helena", Pl., L.

POITIERS (Francujo, Vienne). — La fraŭlinoj kaj fraŭloj de „Esperantista Junularo" deziras konstantan korespondadon kun ĉiuj landoj. Sin turni al la prezidanto: S-ro Gaston Lelarge, studento, 44, rue de la Cathédrale, Pl., PM., L., bfl.

PROSTEJOV (Aŭstrio, Moravio). — S-ro R. Fridrich, profesoro, ulice Rejskova 10, (kun samideanoj el malgrandaj, precipe subpremataj nacioj: baska, dana, estona, finna, flandra, galicia, greka, irlanda, kataluna, kimra, litova, lohiŝa, luĵica, serba, skota, slovena, ukraina ktp.

RAKOVNIK (Aŭstrio, Bohemujo). — F-ino Eda Beŝorner, PM. (austriajn, hungarajn kaj bosniajn).

STANICA BATALPASCHINSK (Kaŭkazo, Kubanskaja oblast). — S-ro Valerio Johano Besedin, PM., Pl. (kun ĉiuj landoj krom Rusujo).

STUTTGART (Germanujo, Virtembergo). — S-ro G. Eisemann, Senefelderstr. 74a, I.

ST-CHAMOND (Francujo, Loire). — F-ino Henriette Pourcher, 11, rue Croix-Gauthier (kun seriozaj gesamideanoj).

TAMPERE (Finnlando). — S-ro L. Tammela, 18-jara, Jarvensivu 86, L., Pl.

TOULON (Francujo, Var). — S-ro Georges Perrin, maristokanonisto, sur ŝipo Jules Ferry.

UFA (Rusujo). — S-ro J. Maksimov, Voskresenskaja 30, Pl.

UNGVAR (Hungario). — S-ro Simono Roth, Arpadveyer str. 57, Pl. (kun ĉiulandaj gestudentoj).

WOUW (Nederlando). — S-ro Alois van Ravels, pentristo, Pl., PK.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

ĈIAN FURAĜON, semon, teron, sterkon aŭ farmo-produkton nekare analizas kaj prijuĝas la „Agrikultura Kontrolstacio, Berlin NW. 40".

ĈIUJ ESPERANTISTOJ KONSENTAS, ke ne povas esti festo, festeno, balo, kongreso kaj familia festo sen ESPERANTO, burgunda ŝaŭmanta vino por Esperantistoj, de S-ro *Gaston Charcousset*, (Esperantia entrepreno). Bonega kvankam malkara: *Petu* senpagan esperantan prezaron de *J. Pion-Muller*, 21, rue de Lorraine, *Beaune*, Côte-d'Or, Francujo.

EDUKEJO POR JUNULINOJ. — S-ino Ed. Tuscher Wuilliomenet kaj ŝia filino, diplomita instruistino, akceptas en sia hejmo kelkajn junulinojn dizirantajn lerni la francan lingvon. Prospekto kaj referencoj je dispono. Monata prezo de Fr. 130 (Sm. 52) ĝis Fr. 150 (Sm. 60) laŭ la ĉambro. — Les Erables, Evole 32, Neuchâtel, Svisujo.

ESPERANTISTOJ LEGU ATENTE! Ĉu vi volas ŝpari monon? Se jes, kiam vi deziras aĉeti kian ajn komercaĵon francan, turnu vin al la firmo Remy kaj K-in. Ĝi profitigos vin je parto de diskonto ricevota de la fabrikistoj pri ĉiu artikloj. Skribu petojn (kun respondkupono) al Remy kaj Kio., Komerckonsulo de UEA, Boîte 450 (poŝtkesto), poste centrale, Paris.

ESPERANTO PAROLATA. — Ŝildo, 22 × 16 ct., blanka fondo kun verda skribo, el emajlo nur fr. 1,50 kun sendo. Universala Esperantia Librejo, 10, rue de la Bourse, Genève.

FOTOGRAFAĴON pri la III[a] Hungarlanda Esperanto-Kongreso faris kaj sendas kontraŭ respondkupono Otto Amon, Kolozsvar, Hungario (Konto ĉe Ĉekbanko Esperantista).

INFORMO. — E. Souchay sciigas siajn korespondantojn, ke li ne plu loĝas 134 bld. Exelmans, sed 29 rue d'Ablon, en Athis-Mons (Seine et Oise) en bela kaj sana ĉirkaŭaĵo de Parizo. Lia edzino volonte akceptos hejme, kiel pagantan gaston, fraŭlinon dezirantan perfektiĝi en la franca lingvo.

INĜENIERO, kiu konstruas maŝinojn por fari brikojn kaj diversajn artefaritajn ŝtonojn, deziras aĉeti gazetojn kaj katalogojn, kiuj montras tiujn maŝinojn. Li deziras ankaŭ scii, kie oni intencas ekkonstrui brikfabrikojn en la tuta mondo. Sukcesplena helpo estos pagata. Oni skribu al S-ro Mansfeld en Merseburg/Saale, Germanujo, Wilhelmstr. 4.

NOVA GAZETO Esperanta aperis. — La „Kuba Interŝanĝo", en Cienfuegos, Kubo, anoncas plibonigon de la ĝis nun hispana, angla kaj franca filatelia gazeto per la enkonduko de Esperanto. Petu specimenan ekzempleron sendotan senpage. Ĉiuj esp. gazetoj estas petataj interŝanĝi. Adreso: Apartado 537, Cienfuegos, Kubo.

PENSION-LERNEJO: 17 St. Stephen's Square, London W, D-ro O'Connor. M. A. P. D-ro. Prospekto senpage.

PETO al fervoraj geesperantistoj! Ni volas aranĝi en julio esp. ekspozicion kaj petas ĉiujn por alsendo de Esperantaĵoj kaj propagandaj objektoj, ĉefe: gvidfolioj, gvidlibroj, gazetoj, katalogoj, koloraj afiŝoj, lernejaj pentraĵoj, legolibroj (de ĉiuj nacioj), fotografaĵoj de la esp. kluboj kaj eminentuloj, uzitaj libroj, naturkolektaĵoj, moneroj (malkaraj kiel helero, pfenigo, ktp.). Pli valorajn objektojn ni laŭdezire redonos post la ekspozicio. Afablajn sendaĵojn akceptas: Fr. Kolman, del. de UEA, Jindrichuw-Hradec, Bohemujo.

PRI LUDO, nova ŝakeca, plene originala, kiun oni ankaŭ povas koresponde ellerni kaj ludi, informas Leopold Berger, inĝeniero, Ĉuprya (Serbujo).

RUSA VORTARO de P. Stojan, laŭ modelo Larousse, enhavas 40 mil vortojn kaj 1300 bildojn. Afrankite kaj rekomendite Sm. 3. 50, bone bindita Sm. 3. 80. Librejo „Esperanto", Lubjanski pr. 3, Moskvo.

TUBOTEKNIKO. — S-ro K. Gutke, tuboteknikisto, serĉanta ian oficon, deziras korespondadi pri ĉio, kio koncernas la tuboteknikan metion, la vivkondiĉojn de tuboteknikaj oficistoj en diversaj landoj, statistikajn sciigojn pri la uzado de varmokondukiloj, gaso-, akvo- kaj defluaĵo-kondukiloj, prezojn de tuboj, bankuvoj, hejtaparatoj, ktp. Adreso: Brunnsgatan 16, Stockholm, Svedujo.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO